# La KancerKliniko

**Politika Kultura Skandalema Ajnista**

# SAMARKANDO
## la 2750a jubilea jaro



KUNE KUN VI SAMARKAND'

danke al plurjarmila fundamento
de hom' al homo ŝtona monumento
amstariga en la luma land'
dum junece floradas ĝojgirland'
laŭ la vol' de l' ĉiea elemento
por ke plu vivu espersentimento
estas agrable al ĉi voĉa skand'
ĉeesti kune kun vi samarkand'

fra.gaeta



Apr-Maj-Jun 2007 numero 122 4,40 €

ISSN 0398-5822

## Perantoj

| | |
|---|---|
| ARGENTINO<br>18 € | A. E-A, str. 119 y 122, Ar-3700 FTT Pres.<br>R. Saenz Pena, Chaco |
| AŬSTRALIO<br>22 € | Libroservo de A.E.A., Esperanto-Domo<br>143 Lawson Street, Redfern N.S.W. 2016 |
| BELGIO<br>22 € | FEL, Frankreijklei 140, 2000 Antwerpen<br>Pk:000-0265338-43,Bk:402-5510531-55 |
| BRAZILO<br>18 eŭroj | BEL, CP 3625, 70084-970 BRASILIA - DF |
| BRITIO<br>22 € | David Kelso, 5 Craigenhill Road,<br>Carluke, ML8 4QT |
| ĈEĤIO<br>14 € | Vladislav HASALA, A. Dvorâkova 1,<br>CZ-696 62 Strâznice. |
| DANIO<br>22 € | A. Casper, Bryggervangen 70, 4.tv.<br>2100 Kopenhago, tel.+45 39 20 63 48 &<br>+45 2140 84 87rete:arne- casper@email.dk |
| FRANCIO<br>22 € | Al la ĉefo (apuda paĝo)<br>+ UFE, 4 bis rue de la Cerisaie,<br>75004 Paris, Pĉk :Paris 85535 D |
| GERMANIO<br>22 € | Esperanto-Centro, Lu Wunsch-Rolshoven<br>Wiclefstr.9, D-10551 Berlin<br>Pĉk : Hannover 2596 58-301 |
| HISPANIO<br>(Eŭskio) | Nikolas Xil Carvalho, 1062 postakutxa<br>20080 Donostia, Gipuzkoa. |
| (Katalunio)<br>21 € | Kataluna Esperanto-Asocio, Ap, 1008<br>08200 Sabadell |
| HUNGARIO<br>14 € | Besenyei Anna, Szerémi ùt 21 IV 20,<br>HU-1117 Budapest |
| ITALIO<br>22 € | Viŝnja Brankoviĉ, Via Parini 5, 34129<br>Trieste. Pĉk C/C N. 14080345 |
| JAPANIO<br>22 € | MINE Yositaka, Kitahama-kitawaki 29-16<br>Takasago-si, Hyogo-ken, 671-0122 |
| KANADO<br>33,2 CAD | Yves Bellefeuille.<br>2372 Haddington, Ottawa Ontario KIH 8J4 |
| KROATIO<br>14 € | K E U, c/o sekretario Marija Belosevic<br>Sveti duh 130, HRV-410000 Zagreb<br>+ Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| LITOVIO<br>14 € | LitEA, p. k. 167<br>LT-3000 Kaunas |
| NEDERLANDO<br>22 € | UEA, kodo KLIK-g, Pk : 37 89 64<br>Bk : (Mees/Hope) 255 289 804 |
| POLIO<br>14 € | Jerzy Handzlik,<br>43-346 Bielsko-Biała, ul. Braterska 41 |
| RUMANIO<br>14 € | Sigmond Julia, 400310 Cluj-Napoca,<br>Str. Vlahuţă 7/6 |
| RUSLANDO<br>14 € | Halina Gorecka, RU-236039, Kalingrad,<br>k. 1248 |
| SLOVENIO | Viŝnja Brankoviĉ (vd. "Italio") |
| SVEDIO<br>22 € | Lisbet Andreasson, Kajsa Kavats gata 8<br>SE-242 35 Hörby |
| USONO<br>27$ | ELNA, Inc. C.O., PO Box 1129,<br>EL CERRITO, Cal. 94530 |

**aviadile aldonu 1 €**

**Mendu 10 malnovajn numerojn**

**(vi povas elekti mem!)**

**kontraŭ nur 15 eŭroj**

## Vendataĵoj

+ 20% por sendokosto gis 35 eŭroj - poste: 10%

### La KromKancerKliniko

| | |
|---|---|
| 4. Stilekzercoj, R. Queneau/I. Ertl, **nova eldono, A5** | 5,00 € |
| 5. La Majstro kaj Margareta, Bulgakov/Long | 3,00 € |
| 6. Bruoj kaj ludoj, Manceau, Saletti, Bertil | 2,75 € |
| 7. Pala Fajro, Nabokov/Meva Maron | 3,00 € |
| 8. Letero el Palestino, Alba/Kamaĉo | 3,00 € |
| 9. Hura-A-A-A, Daniil Harms/Natan Procenko | 3,35 € |
| 10. Pro kio Esperanto? Koresponda debato | 3,70 € |
| 11. La Orelringo, de Jopetro Danvy | 3,70 € |
| 12. La ĉapo de la sterko-vermo, G. Kamaĉo | 3,80 € |
| 13. Kulturo: valoro aŭ varo? Kongresa temo '96 | 3,80 € |
| 14. Sanĝado, poemaro de Mao Zifu | 3,80 € |
| 15. Ĉi-semajne, eĉ ajn-mise, S. MacGill | 3,80 € |
| 16. Arnau - Kavlan - Septier – Sire | 4,00 € |
| 17. Elpensaĵoj/tradukoj de Bruna Ŝtono | 4,00 € |
| 18. **Alilingvaj erotikaj poeziaĵoj**, G Waringhien | 4,00 € |
| 19. Trad. de C. Gerlat (Pavloff, Sfar, Yourcenar...) | 4,00 € |
| 20. Trilingva landlim', Peter Browne | 4,40 € |
| 21. Ekzile, noveloj de Mircea Eliade, trad. I.Oneţ. | 4,40 € |

### La KancerKlinikoKrestomatio

| | |
|---|---|
| 4. GeLKKpoetoj, LeQuint/Le Puil | 3,00 € |
| 5. Serge Sire "Revenis mi". (ĉe la aŭtoro) | 4,00 € |

### La KancerKlinikoteko

| | |
|---|---|
| 1. Knedu min Sinjorino, R. Corsetti, **nova eld. A5** | 5,00 € |
| 2. Lingvo Universala, Praesperanto, R. Cash | 3,80 € |
| 3. Kvarlingva Proverbaro, L. Bourgois | 4,60 € |

### Speciala numero

1. Momo, Kavlan x 2, bildrak., 48-p-a (Rab.) 5,00 €

### Malnovaj numeroj de LKK

Elĉerpitaj : 0, 1, 2, 3, 4, 5, 8, 15, 23, 28, 29, 30, 31

Ĉiu numero 4,00 €

Rabato 33% ekde tri ekz-oj.

**"Blazonoj"** estas elĉerpita; eblas gin ricevi rekte de Serge Sire (sen rabato): 85 imp. des Fées, F-74330 Sillingy

***

Ni "aktualigis" la liston de "Vendataĵoj". Sed plu restas kelkaj aliaj libroj kaj la 4 kasedoj de Le Puil... Mendu la liston.

***

**KD: Mi estas... Ĵak Le Puil** 18,00 €

(sen rabato) 14 kanzonoj, kun akompano de Jomo

***

### Libroj (sen rabato por "Vojaĝo")

| | |
|---|---|
| Florville kaj Courval, Sade/LeQuint-Le Puil | 5,00 € |
| Higieno de l' murdisto, A. Nothomb/LQ/LP | 9,00 € |
| **Infantravivaĵoj, Armela LeQuint** | 4,00 € |
| Kormoranoj (la), N.Gion/L.Huszar | 6,00 € |
| Kuniks la kuniklo, Kavlan | 6,00 € |
| Pluralogo, de Vimala Devi | 6,85 € |
| Promeso en obskuro, M. de Seabra. Noveloj | 10,20 € |
| Rakontoj pri Sarajeva Sieĝo, Zlatko Dizdareviĉ | 6,00 € |
| Speguliĝoj, de Vimala Devi | 3,80 € |
| **Vojaĝo ĝis noktofino, Céline/LeQuint-Le Puil** | 24,00€ |

**La KancerKliniko**
*Kultura, politika, skandalema, ajnista*

lkk@free.fr

N° 122
Apr/maj/junio 2007

Ĵak Le Puil
"Les Cocherats"
F-18210 Thaumiers

CPPAP 1007K82202

tel. (0)2 48 61 81 98
(ne antaŭ la 11-a matene, dankon!)

**Abono: 22 €**
(ekde 14 € fakte)
Ĝi komenciĝas iam ajn tra la jaro

4 n-roj + La Krom

**Pago**: Jacques Le Puil
pĉk 12 729 73 x Paris
IBAN: FR80 3004 1000 0112 7297 3x02 063
BIC: PSSTFRPPPAR
aŭ tra geperantoj
aŭ UEA: klik-g

**Nia memoraĵisto**
**Laŭrenco Septier**
BP 174
F-13444 Marseille
Cantini cedex

**Kunlaborantoj**

**Serge Sire**
**Fra Gaeta**
**Ĵak Le Puil**
**Manuel de Seabra**
**Michel Duc Goninaz**
**Karles Berga**
**Guillem Portell**
**Ŝarlerik d'Arroi**
**Arnau**
**Mike Jones**
**Mikaelo Bronŝtejn**
**Ionel Onet**
**Peter Browne**
**Gennadij Turkov**
**Laŭrenco Septier**
**Armela**



# Unua numero sub la regno de Sarkozy

Ĉar mi elektas tiun titolon antaŭ la duela baloto inter Ségolène Royal kaj Nikolao Sarkozy, mi prenas nekalkuleblan riskon! Tamen mi jam povas veti ke vole-nevole mi redaktos la venontan numeron sub la regno de dekstrul(in)o! Mi ne forgesas, i.a., ke sub la regno de la "socialisto" Lionel Jospin, la leĝo, kiu de la dua mondmilito helpis la gazetojn per favora prezo por la poŝtaj tarifoj estis draste modifita – se ekde la venonta numero LKK ne plu povos profiti de tiu tarifo, tion mi ŝuldos ne al Sarkozy sed ja al niaj karaj "socialistoj"...

Sed revenu ni al seriozaj aferoj! Vi eble miras pri nia kovrilpaĝ', sed ĉu Samarkando ne bele sonas al viaj oreloj? Do! Mi unue volas saluti novan klinikanon Karles Berga; liajn rakontojn ne malagnoskus Beaucaire! La Balado de Manuel de Seabra perfekte kongruas kun la "politika" linio de *LKK*. Kaj la taglibro de Duc Goninaz perfekte kongruas kun lia linio... (Do ĉio en ordo!). Guillem Portel denove regalas nin per novelo de Calders, Ŝarlerik nun finis sian Tahitian ciklon (ĉu?) kaj Arnau daŭre deliras (sed iom pigre tamen!). Unuan fojon Mike Jones tradukas rakonton de amiko lia. Mikaelo Bronŝtejn plu bardas/poetas, Mircea Eliade tra Ionel Onet unuavide iom ŝovinismas... Fra Gaeta ne nur kulpas la kovrilpaĝon... kaj Peter Browne daŭre vojaĝigas nin. Fine, Turkov kaj Septier kondukas nin al Azio. Piedpaĝe retrovu la Klaĉulojn far Sir'... kaj ne forgesu legi dank' al nia samvorta rubriko.

***Ĵak Le Puil***

## Enhavo

# La Kuracoservo

### *Ĵak Le Puil*

"Neniam voĉdonu por kandidatoj, kiuj rigardas normala la fakton, ke milionoj da homoj ne havas laboron!", skribis mi pasintnumere. Unuavide, post la rezultoj de la baloto pri la prezidanteco, kiu ĵus okazis en Francio, malmultaj voĉdonantoj sekvis mian konsilon!

Fakte mi ne vere intencis tedi vin per tiu temo, sed vizitis nian klubon antaŭ kelkaj tagoj Maritza Gutiérrez el Kubo. Al demando de ĵurnalisto: "Ĉu la kubanoj interesiĝas pri la baloto en Francio?", Maritza respondis, tre afable: "Oni pli-malpli scias kio okazas en Francio. Oni ne vere interesiĝas prie, ĉar estas lando tro malproksima. Krom Jacques Chirac (Ĵak Ŝirak), oni ne konas la francajn politikistojn, ankoraŭ malpli la kandidatojn." Jen senambigua respondo, kiu konsciigas min, ke Francio ne estas la centro de l' mondo! (Sed ĉu la francoj konas la politikistojn de Finlando, Norvegio, Irlando, ktp, landoj multe pli proksimaj de Francio ol Kubo?!!! Certe ne.).

Do tial mi prezentos al vi la 12 kandidatojn, kiuj sin prezentis al tiu baloto pri prezidanteco.

Dekstre jen Nicolas Sarkozy (Nikola' Sarkozi'), eksministro pri internaj aferoj de Ŝirak. Granda admiranto de Buŝ, lia preferata slogano estas "Laboru pli por gajni pli" (la senlaboruloj aprecas!). Li sukcesis kapti grandan parton de la voĉoj, kiuj de pluraj jaroj iris al Le Pen kaj samtempe ricevi apogon de pluraj famkonataj maldekstruloj! Li rikoltis pli ol 31% de la voĉoj kaj preskaŭ certe venkos en la duela baloto.

Maldekstre (laŭdire!) jen Ségolène Royal (Segolen' Rŭajal') por la socialista partio. Unuan fojon en Francio virino reprezentas grandan partion. Tiuj, kiuj opinias ke virino regos alie certe forgesis iun Margaret Thatcher... Certe influita de la jubilea kongreso de Esperanto en Bulonjo-ĉe-maro, ŝi kantigis Marsejlezon en siaj mitingoj kaj diris ke ĉiuj francoj devas havi la nacian flagon hejme (tiel, almenaŭ en la flagindustrio ne plu estus senlaboreco...). Ŝi rikoltis preskaŭ 26% de la voĉoj.

Centre jen François Bayrou (Francisko Bajru'), kiu antaŭ kelkaj jaroj estis ministro de dekstra registaro. Multaj opiniis ke nur li povis venki kontraŭ Sarkozy, kaj tial li rikoltis 18,55% de la voĉoj.

Ĉu oni povas ĝoji ĉar Le Pen rikoltis nur 10,51 de la voĉoj? Tio reprezentas tamen preskaŭ 4 milionoj da homoj!

Jen nun nia unua trockiisto/leterpoŝtisto Olivier Besancenot (Olivje Bezansno). Dank' al sia juneco, sia vervo, sia vera maldekstra programo, li rikoltis 4,11% de la voĉoj (pli-malpli 1 miliono kaj duono da homoj). Bedaŭrinde li nun alvokas al voĉdono por Royal...

Ekstremdekstre kaj tre proksima al Le Pen, jen Philippe de Villiers (Filip' de Vilje'), kiu rikoltis 2,24%, kaj alvokas al voĉdono por Sarkozy.

La komunista kandidato, Marie-George Buffet (Mariĵorĵ' Bufe') rikoltis iom malpli ol 2%, kaj tiu rezulto pli-malpli signas la morton de tiu partio. Ĉar eĉ komence de sia kampanjo ŝi diris ke por la duela baloto ŝi alvokos voĉdoni por Royal, oni sin demandas kial ŝi sin prezentis...

La verdulo Dominique Voynet (Dominik' Vŭane') rikoltis 1,57%. Ankaŭ ŝi alvokis voĉdoni por Royal ekde la komenco de sia kampanjo...

Jen nia dua kaj plej fidela trockiisto Arlette Laguiller (Arlet' Lagŭije'), kun 1,34%. Por forgesigi sian plej malbonan rezulton, post ses kanditatecoj, ŝi, unuafoje, alvokas voĉdoni por Royal.

José Bové (Ĵoze' Bove'), konata pro falĉado de maizoj genetike modifitaj estis mem falĉita kun 1,32%. Ankaŭ li antaŭdiris, ke li alvokos voĉdoni por Royal...

La kandidato "Ĉaso, fiŝkapto, naturo kaj tradicioj (ja, ja!), Frédéric Nihous (Frederik' Nius') rikoltis 1,15%.

Kaj jen la lasta kandidato, Gérard Schivardi (Gerardo Ŝivardi'), kiu rikoltis 0,34% (t.e. 123.305 voĉoj). Neniu konis tiun ulon. Li sin prezentis kiel la "Kandidato de la urbestroj" (estas en Francio 36.000 komunumoj, kaj li estas mem urbestro de vilaĝo), sed pro malpermeso, li iĝis la "Kandidato de urbestroj" (vd. la gravecon de nia artikolo!). Subtenis lin la trockiista Partio de la Laboristoj. Sed laŭ li, kelkajn monatojn antaŭ tiu subteno li eĉ ne sciis, ke temas pri trockiistoj: "Mi eĉ ne kapablas diri la vorton "trosskiisto". Sed la plej interesa flanko venas de lia akĉento. Forta akĉento de Suda Francio – li vivas inter Carcassonne kaj Narbonne (rigardu vian mapon!) – kiu faris liajn deklarojn preskaŭ nekompreneblaj por la francoj, kiuj aŭdas ĉe radio kaj televido nur la parizan akĉenton; iom simile al nesperta esperantisto, kiu unuafoje aŭdas la akĉenton de Marjorie Boulton! Kompreneble la imitistoj ne mallasis la okazon pliriĉigi sian repertuaron. Sed kelkaj reagis preskaŭ rasisme pro tiu akĉento. Plie Schivardi estas nur manlaboristo – masonisto! Sed li forte diris, ke ni devas kontraŭbatali "tian" Eŭropan Union, ke lernejo, poŝtoficejo devas (r)esti en ĉiu vilaĝo, kliniko en ĉiu mezurbo kaj ke en 1789 oni ja tranĉis kelkajn kapojn... Li ankaŭ subskribis la peticion kontraŭ taŭrbataloj (kiel Voynet, Bové kaj Laguiller cetere). Kaj li ne alvokas voĉdoni por Royal. Do, divenu por kiu mi voĉdonis...!

# BALADO DE LA KONSUMSOCIO

*Manuel de Seabra*

1

Min kisu kalkule per viaj ardaj plastaj lipoj

Min ĉirkaŭbraku meĥanike per viaj "Socisekurecaj" brakoj

Min rigardu sinteze sen multaj vortoj

per viaj okuloj nubaj

kun falsaj okulharoj

falsaj brovoj

falsaj pupiloj

Min karesu aŭtomate per trista frida seriigita masturbado vana

Koitu min vere por mono certe kaj sen sentimentalismo

Kun la eta transistoro de via cerbo analizante la krediton-

debeton de mia monata salajro



2

Sekso ĉion vendas

Kaj vi pafas sur min dekdujarajn knabinojn

Transistorigitajn seriigitajn Lolitajn

por vakuiigi viajn magazenojn

kaj oferdoni tutnacie nepre juneciluzion

Kaj kiam dekdujaraj knabinoj ne plu efikos

Vi havos knabojn sekso ĉion vendas

Kaj maljunulojn kaj maljunulinojn kaj atletojn en najlitaj botoj

kaj kapotoj de SS-aj oficiroj

Sekso ĉion vendas kaj vi ofertas al mi sekson hejme subtervoje

surstrate surĉiele kaj seksoazon oni povas trovi

nur en Soho french model pop in

3

Kaj vi havos la inon kiun vi volas se vi vestos X

Kaj vi havos la inon kiun vi volas se vi manĝas Y

Kaj vi havos la inon kiun vi volas se vi frotas vin men!

Kaj via najbaro rigardas vin kaj diras:

Vi ne posedas tion nek tion nek tion

Kaj li malestimas vin kaj ĉiuj malfeliĉigas vin

Oni vendas sin

Por aĉeti tion kaj tion

Kaj ili ĉiam inventas novajn aĵojn novajn aĵojn

kiujn mi nepre nepre devas aĉeti

se oni estas bona civitano sendube nepre

Kaj mi laboras mi laboras mi laboras

Kaj vi ridas vi ridas vi ridas

En viaj Mediteraneaj krozoj

En Jaguar-oj

Kun blondaj modelinoj

Pagataj por la unco da seksa saŭco...

# El la taglibro de nekuracebla (kaj kantanta) optimisto (sekvo)

***Michel Duc Goninaz***

**en marto 2007.** Du polaj abonintoj de *La Ondo de Esperanto* anoncis, ke ili ĉesigas sian abonon pro la publikigo de rimarkoj malfavoraj al la nunaj regantoj de Pollando. Mi estas vere en embaraso. Kiomon da polaj abonantoj perdos *La KancerKliniko*, se mi skribos en ĝi tion, kion mi opinias pri tiuj regantoj kaj pri tiuj, kiuj ilin subtenas, aprobas aŭ toleras? Ĉu mi rajtas trudi tian riskon al *LKK*, kiu iras de jubileo al jubileo, sed eble jam perdis ĉiujn siajn belgajn abonantojn pro la antaŭa paĝo de mia taglibro ? Ha, tio estas vera torturo por mia konscienco. Prefere mi parolu pri muziko...

**en aprilo 2005.** Mi ekscias, ke la du asocioj (la "neŭtrala" kaj la "laborista"), kiuj propagandas nian karan lingvon en la dolĉa Franclando, organizis komunan kongreson en Bulonjo-ĉe-Maro, la urbo tiel kara al ĉiuj historiografoj de la verdastela movado. Dum tiu kongreso okazis iu detalo, pri kiu silentis preskaŭ ĉiuj raportintoj. Mi diras "preskaŭ", ĉar tiu detalo estas raportita en *LKK*, kiu denove montriĝis la plej fidinda informilo en tuta Esperantujo. Do, en la n° 114 de *LKK* aperis la informo, ke dum tiu kongreso la urba fanfaro interpretis la Marseljezon. Kun la jena komento : "Kelkaj grumblis pro tiu ludado. Sed kiam oni akceptas la patronadon de oficialuloj, oni poste silentas!". Jen stranga argumento, kiu subkomprenigas, ke 1° ĉeestis tre altrangaj oficialuloj. Ĉu? Kianivelaj? Eble iu sensignifa urbestro aŭ iu merdoza subprefekto. Sed, diable, mi iam partoprenis alilande inaŭguron de kongreso (neesperantista, kompreneble) kun ĉeesto de la ŝtatestro, kaj ni ne suferis aŭskultadon de ŝtata himno; 2° iuj oficialaj eroj de la kongreso restas ekster la kompetenteco de la kongresorganizantoj. Nu, kiel ajn estas, neniuj kongresanoj frakasis, kiel decus, la muzikilojn de la fanfaranoj kaj la muzelojn de la kongresaj respondeculoj.

La anoj de la laŭdira laborista asocio ne ekkantis la Internacion. Mi imagas jam la rebaton : "se vi estas tiel batalema, kial vi ne faris tion mem?". La respondo estas simpla : kiel diras saĝe la rusoj "Один в поле не воин" (Homo sola meze de kampo ne estas batalanto). Tial mi plej ofte detenas min de partopreno en la esperantistaj kongresoj. Se montriĝus, ke grupo da veraj samideanoj, eĉ malmultaj, estas preta organizi belajn skandalojn en similaj okazoj, mi nepre aliĝos. Skribu al mi, kaj ni kune decidos, kiun kongreson ni kune sabotos.

**la 30-an de septembro 2006 en Poznań.** Tuj post mia alteriĝo antaŭ kelkaj tagoj min atakis malvarmumo, probable pro la aviadila klimatizilo. Post kelkataga prelegado en la universitato, tio degeneris al iaspeca faringito, kiu ege difektas mian voĉon. Antaŭhieraŭ mi malprudente cedis al petoj, ke mi kantu dum vespera subĉiela festo. Tute evidente mi neglektis atenti la Kabean (kaj PIVan!) citaĵon "raŭkiĝi pro kantado en la libera aero". Ŝajnas, ke pro la interpreto de la Ŝvarca kanzono pri la Akademio ("kaj neniam ĝi eraras, kiam ĝi nenion faras..."), mi estas punita per preskaŭ plena senvoĉeco, kiun ankoraŭ ne sukcesis kuraci la homeopatia medikamento, kiun mi suĉadas de hieraŭ. Kaj hodiaŭ mi devas prelegi en la kadro de Arkones. Prelegi pri "la francaj kanzonoj en Esperanto dum la 20-a jarcento" per apenaŭ aŭdebla obtuza voĉo estas timinda tasko. Mi ja disponas registraĵojn por ilustri mian temon kaj la magnetofono aŭdigas la voĉojn de Veselin Damjanov, Ĵak Le Puil, Jacques Yvart, Jadwiga Dzięgielewska.... Sed mi antaŭvidis zumi mem kelkajn melodiojn, por kiuj mi ne disponas registraĵojn. Feliĉe troviĝas en la publiko kelkaj homoj, kiuj konas tiujn melodiojn kaj povas ilustri miajn skrapvoĉajn klarigojn. Mi planis fini per mencio pri du kantoj, naskiĝintaj en Francio dum la 19a jarcento. Por la unua, *la Tempo Ĉeriza*, mi scias, ke neniu ĝusta tono eliros el mia gorĝo kaj mi petas mian edzinon kanti ekstemporale la antaŭviditan lastan strofon ("ne timu, mi helpas per la piano!"). Sukcese. Sed por la lasta kanto, kiu famiĝis en la tuta mondo per multegaj tradukoj kaj iĝis himno de la revolucia proletaro ("Leviĝu, en mizer' dronanta sklavar' malsata de la ter' !"), mi devigas mian kolapsintan voĉon obei min por aŭdigi almenaŭ parton de la kvina strofo, kiun mi raŭke duonkantas-duonkrias :

> Insistis niaj kanibaloj,
> ke kuraĝuloj estu ni.
> Do kontraŭ propraj generaloj
> Ekpafos baldaŭ la gvardi'!

Jam la duan fojon mi deklamas publike tiun duonstrofon en Pollando. La unuan fojon mi ĝin ne kantis, nur recitis, tamen kun speciala ĝuo, ĉar tio okazis en 1988, kiam en tiu lando ankoraŭ regis iu generalo. Sed kanti *la Internacion* en 2007 sub la regado de la putraj reakciulojnaciistoj, la Kaczyński-ĝemeloj kaj ties bando (kun la ultraputra Giertych kiel "ministro pri edukado"!) — ankaŭ tio estas sufiĉe ĝojiga. Ha, se mia voĉo min ne perfidintus... Sed nenio perfektas en tiu ĉi mondo.



# La kunveno

***Karles Berga***

Mi iom ŝvitis kurante al la kunveno de Eros Peranto programita dum la UK. Jen, mi eniris la koridoron de la kongresejo, kelkaj pordoj dekstre kaj maldekstre, salono Privat, salono Zamenhof, salono Corsetti,...fine mi trovis la pordon kun la skribaĵo salono Eros. Senpense mi tuj eniris, fermante la pordon post mi. Sed, ve, kioma mallumo! Mi ne sukcesis ion ajn vidi en la preskaŭ nigro, ĉu mi eraris la ĉambron? Dum mi hezitis, iu mano tuŝis mian bruston kaj murmuris mallaŭte:

– Bonvenon... (temis pri dolĉa ina voĉo) la kunveno jam komenciĝis kaj agrable evoluas...

Mi sentis kison ĉe mia vango, denove ŝi mallaŭtis:

– Senvestiĝu kara...

Mi embarasiĝis, hezitis, sed fine mi akceptis la proponon, fakte en la mallumo neniu povus rimarki mian nudecon. Tuj post la senvestiĝo mi ricevis novan kison, ĉifoje sur la lipojn, mi sentis ŝian proksimiĝon, ŝajnis al mi ke ankaŭ ŝi nudis, mi sentis la kontakton de ŝiaj mamoj, de ŝiaj cicoj... Ŝi prenis mian manon kaj gvidis min en la ombra ĉambro, iel mi rimarkis lumeton en iu angulo, ĉirkaŭ ĝi kelkaj homoj kuŝis aŭ duonstaris, aŭdeblis ĝemoj, murmuretoj, suspiroj... Ĉiuj duonvideblaj figuroj ŝajnis al mi nudaj, ŝi denove ekparolis:

– La temo nun pritraktita estas *la arto leki*, ni faras diversajn provojn, ni decidis saluti lange unuj la aliajn por plibonigi niajn konojn kaj niajn internaciajn rilatojn... Ĉu vi bonvolas leki miajn cicojn? Mi tre ĝojos se vi akceptos...

Ŝi ne bezonis insisti, mi palpis ŝiajn mamojn, prenis ilin kaj alproksimigis mian buŝon al ŝiaj mampintoj, mi eklekis.

Iu alia virino preskaŭ nerimarkeble surgenuiĝis ĉe miaj kruroj, ŝi ion diris, eble saluton....Ŝi prenis mian virorganon, jam sufiĉe varma en tiu momento, kaj komencis masaĝi per sia luda kaj adaptebla lango... Nun estis mi kiu komencis ĝemi...

Post iom da tempo, ne multe, iu vira voĉo aŭdiĝis:

– Ek! ni fermu ĉi temon. Nun ni komencu la sekvantan temon laŭ la tagordo: *la punkto G ĉe la viraj anusoj kaj kiel ĝin atingi.*

Tiam mi subite memoris ke en apuda salono estas prelego pri kibernetiko. Mi kure ĝisis.



# Pasporta Sekso

***Karles Berga***

Post la fermo de la kongreso mi revenis al la domo de mia pola gastigantino. Jam estis tre malfrue. Mi revenis iom ebria sed povis ŝlosi kaj eniri sen troa bruo. Mi iris al la banĉambro kaj duŝis min. La domo estis akurate varmigita per elektra sistemo. Mi decidis ke mi dormos sen piĵamo. Ŝtelpaŝe mi iris nude al mia ĉambro ne enŝaltante la lumojn. Mi malfermis la pordon, eniris kaj fermis. Mi ne bezonis lumon ĉar mi konis la situon de la lito. Mi iris tien, levis iom la littukojn kaj enigis min.

Mi estis pensanta ankoraŭ pri la ĵusaj anekdotoj de la kongreso kiam surprize mi rimarkis spiradon apud mi... Ho ve! mi tuj komprenis, mi eraris la ĉambron kaj eniris la liton de mia gastigantino! Mi planis eskapi el la embaraso kiam subite ŝi, daŭre dormanta, ĵetis sian brakon sur mian bruston. Mi ne volis veki ŝin, mi ne sciis kion fari. Ŝi ekparolis en songô:

– Mi amas vin Jassiek.

Ŝi plu alproksimigis sian korpon al mia, kaj dorme karesis min. Ŝia mano glitis supren kaj malsupren... ĝis kiam ĝi renkontis mian ... Tie la mano haltis. Denove ŝi parolis:

– Ho, Jassiek, mi bezonas vian varmon.

Ŝi ŝanĝis pozicion, algluis sian dorson al mi kaj per sia libera mano serĉis en mia interkruro, ŝi prenis mian virajon kaj, tirante, devigis min ankaŭ kuŝi surflanke, sen spaco inter niaj korpoj. Mi ankoraŭ ne sciis kion fari sed mi komencis dubi ke mi povas kaj volas foriri. Mi ĉirkaŭbrakis ŝin kaj akceptis ŝiajn proponojn.

En la mateno, antaŭ ol ŝi vekiĝis, mi delikate ellitiĝis kaj forlasis la ĉambron. Mi surmetis miajn vestaĵojn kaj pretiĝis por promenado en la urbo. Kiam mi malfermis la pordon de la domo, mi vidis tie starantan policanon.

– Saluton, mi estis ĵus sonorigonta la pordon.
– Ha ĉu? (mi hezitis, ĉar mi timis pri ia polica afero)
– Vi estas la esperanta gasto, ĉu ne?
– Jes (mi respondis, iom treme)
– Mi estas Jassiek, la fianĉo. Estas plezuro koni vin. Ĉu la gastigantino bone traktis vin? (li diris bonhumure)
– Ho jes! ŝi estas tre sindonema!

Mi pasigis tiun tagon kun mia pasporta servo, kolektante la adresojn de aliaj polaj gastigantinoj.



# BROSO

## *Pere Calders*

### *trad. Guillem Portell*

La tagon kiam Turko -eta hundo en la familia hejmo- damaĝis la ĉapelon de sinjoro Sala, sinjorino Sala konkludis ke tio jam preterpasis ĉian hundan limon, ke nur sanktula pacienco estus tolerinta ke la problemo atingu tiun ekstremon. Tial, kunveninte la tuta familio kaj esprimінte ĉiu membro sian opinion, oni akceptis la interkonsenton ke la knabino edziniĝinta kun la ĝardenisto ekzorgos pri la hundo kaj tenos ĝin en sia hejmo.

La infano Sala falis en senesperan malĝojon. Ŝajnis al li ke ne estos maniero daŭrigi sian vivon ĉar sen la hundo ĉio estas vanta kaj sensenca. Post la plorado, la problemo aperanta antaŭ li estis tiu, kiel doni honoran destinon al la karesemo kiun la foresto de Turko lasas malplena. Li provis rigardi alimaniere la kanarion de sia onklino, sed fareblis tiom malmultaj amuzaĵoj kun la birdo ke li tuj rimarkis ke ili nur povas havi suprajan amikecon.

Tiam li imagis ke la libreja lampo estas fidela soldato sen alia tasko krom servi lin. Dum du horoj lin distris la iluzio ke la problemo jam estas solvita, sed li baldaŭ rimarkis ke restas abundo da senobjekta amo perdita en la larĝa spaco de lia animo.

Li intencis starigi daŭran amikecon kun ŝtofa pilko, kun bobeno kies fadeno estis unika en sia speco, kaj sinsekve kun amerika turbo, kun la nova ĝardena herbo kaj kun longa fiŝkaptilo kiu enviigis ĉiujn liajn geamikojn. Kaj tiam li komprenis ke, kiom ajn li penas, tio havis nenian utilon por superi la situacion ĉar la malsimileco inter ĉiuj ĉi objektoj kaj hundo estas tiom granda ke oni ne povas eĉ provi forgesi ĝin. Tiam, li sin konvinkis pri tio ke necesas trovi anstataŭaĵon de la hundo, objekton tian ke, ne difektante la memoron pri Turko, almenaŭ ĝi konservu kun la hundo ian similecon.

La infano komencis esplori la tutan domon, li traserĉis ĉiujn ŝrankojn kaj tirkestojn kaj fine, ĉe angulo en la mansardo li trovis grandan broson eksmodiĝintan, definitive apartigitan de la familiaj bezonoj. Duonfermante la okulojn, li ŝovis sian manon plate sur la hararon, kaj tute vere kaj kredeble ke tio ŝajnis al li kvazaŭ karesi hundan lumbon. Kiel unua provo, tio sukcesis tiom bone ke la infano Sala konsideris ne necese daŭrigi la serĉadon. Li ligis la trovaĵon per ŝnureto, kaj post kvin mallongaj minutoj li ne pensis ke li tiras broson, sed li absolute kredis ke Broso, hundo de ekzotika raso, sekvas lin ĉien kaj reen tra la domo.

Vespere, iom laca pro la kuremo kaj ludemo de la nova amiko, la infano decidis iri en sian ĉambron. Tiam li ligis Broson ĉe la piedo de seĝo, sed antaŭ ol endormiĝi, deviga teneriĝo memorigis lin pri la karesemo de Broso kaj ĝia kapablo adaptiĝi facile al ĉia ludo. Lia konscienco ne konsentis ke Broso kuŝu mallibere sur la malvarma planko, kaj, gvidate de neregebla impulso, li saltis de la lito, liberigis Broson de ĝia ligiteco kaj portis ĝin kun si sur la liton.

Vi miros kiel fojfoje povas okazi eksterkutimaj fenomenoj, ĉar tre longe antaŭ ol endormiĝi, la infano sentis ke Broso disradias varmon de vivo, ke ĝi premiĝas al lia korpo serĉante kareson. Tiu fakto, kompreneble, ŝajnis al li tre serioza ĉar, en luda imagado, oni povas transformigi broson en hundon, sed estas tre malsimila afero se la transformiĝo plenumiĝas fakte kaj reale. La infano stariĝis, ŝaltis la lumon, kaj pruvis kun surpriziĝo ke la broso, tute ne perdinta sian propran formon de broso, sin movas kiel hundo. Ĝi saltis apud la infano kaj turnis sian korpon en la aero, kaj poste ĝi kuŝiĝis por ke la infano karesu ĝian ventron. Ĉiu ajn kiu ricevus novaĵon pri tiu mirindaĵo, verŝajne tiu sin demandos, per kiuj piedoj povas salti kaj kiun ventron povas montri broso ne perdinta sian propran formon. Sed, venkinte la precipan malfacilaĵon vivigi ĝin, tiu demando restas tiom senigita je graveco ke ne valoras la penon cerbumi pri ĝi.

Ĉi tiel la infano rezonadis al si kaj tuj li deziris veki la gepatrojn. Sed saĝa kia li estis kaj bone sciante ke infano devas respekti la gepatrojn, li decidis atendi ĝis la sekva tago.

Oni povos kompreni, estas evidente, ke li ne povis dormi dum la tuta nokto, kaj jam en la mateniĝo, kiam li aŭdis la patrinon mastrumantan, li kuris renkonten al ŝi kun Broso sub la brako.

—Vidu, panjo —li diris—. Mi trovis broson kiu fakte estas hundo. Ĝi moviĝas, rekonas mian voĉon kaj surhavas pulojn.

—Ne diru stultaĵojn kaj forĵetu ĉi maltaŭgaĵon tuj. Vi jam aĝas kelkajn jarojn kaj devas paroli pli saĝe.

La infano sentis sin ofendita. Denove li pensis pri la supereca sinteno de la plenkreskuloj kaj ilia absurda vivmaniero. Li ne diris ion plu, la infano portis kun si Broson en sian ĉambron kaj

pensis ke, se ili ne volas tion kredi, des pli maltrafos ili.

Je la tagmanĝa tempo la patrino rakontis mokante la malkovraĵon de la infano, kaj la patro krevis en ridado kvazaŭ temus pri la plej elstara idiotaĵo en la mondo. La infano ne kontestis ĉar li estis certa ke la justeco ĉiam ebenigas al si la vojon, kaj esperis ke, pli-malpli frue, ĉiuj pruvos ke estas aferoj ne tiom priridindaj kiel ŝajnas.

Vidu kiom la infano pravis kiam la sekvan tagon lin vekis la bojo de Broso. Li eldormiĝis kaj aŭdis kverelbruon el la librejo kaj voĉon de sia patro kiu petis helpon. Broso gratis ĉe la pordo kaj esprimis strangan anksion; la infano malfermis la pordon, piedpinte li iris malsupren tra la ŝtuparo kaj vidis la patron batalanta kun ŝtelisto kiu estis batonta lian kapon per kamena feraĵo.

—Serĉu, Broso, mordu lin!

Broso kuris kiel la vento, sin ĵetis sur la ŝteliston kaj mordis lian brakon. La ŝtelisto restis tiom surprizita pro la atako de tiu stranga speco de aĵo ke li tuj kapitulacis kaj estis liverita al la polico ligita ĉe manoj kaj piedoj.

Post kelkaj minutoj, la patrino promesis kun fluantaj larmoj ke ŝi neniam plu dubos pri la vortoj de la filo, kaj la patro, karesante la hundan lumbon, asertis:

—Por Broso mi konstruos dometon en la ĝardeno kun la komforto de la plej lastaj teĥnikoj, kaj pentritaj literoj diros: “Ne estas certe ĉu ĝi estas hundo, sed ĝi plene gajnis al si la meriton”.




## Artokarpuso Altiliso

**Ŝarlerik d'Arroi**

*Ĉi tie devus esti foto kiun mi faris per bona aparato 5 milionoj da pikseloj – Mia flaŭreto estas dulingva kun fotoj de arboj kaj de violonoj, evidente*

Jen la PanArbo. Laŭ ĝia plena donemo. La sinteno de l' arbo, ĝia frukto, perfekta simbolo de donacemo. Mi buligas por vi! Miajn globetojn... Artokarpuso altiliso, laŭ latina nomenkalturo. Ĝia praa tahitia nomo estis Uru. Kiel Aito (Kasuarina ekuisetifolia), ĝi devis ŝanĝi sian nomon. Ĉar reĝo, iam decidis nomiĝi "Uru", la vorto fariĝis tabuo. Do, oni nomis tiun arbon "Maiore". La du vortoj hodiaŭ estas uzataj. Mi ĉi tie rimarkigas la nomadon de la uloj. Leĝo vestas nin per patronomo. Kiam vi diras "mi nomiĝas...", Eraro. Ja "oni" nomas vin... Por diri "mi" nomiĝas, necesas esti reĝo kaj leĝfari! Papo ankaŭ donas al si nomon de Papo. La artistoj... Potenculoj.

Popolaneto ne nomiĝas. Oni ĝin fajfas.

Multaj personoj akceptas stultajn nomojn: Kokrito, Fromaĝo, Labit (bito = kaco), Fotro (Koito) evidente... Mi eĉ renkontis ulon "Anuso". Nenio devigas ilin akcepti tiajn humiligaĵojn. La galero por la povruletoj en lernejo...

Vi legos "Atlaso de Familiaj nomoj en Francio". Ĉe eldonejo Arkivoj kaj Kulturo. Je ilia nuna formo, de kiam la nomoj datiĝas, laŭ vi? Je Metuŝelaĥo? Ja ne! Fine 19an jarcenton! Jen, same kiel la lerneja gramatiko kiun vangofrape la instruistoj trudis al povruletoj, same! Tiel, Laurent Fordant, la verkisto, sciigas al ni ke en Francio estas 377 Salop' (Grobulino), 3707 Bastard', 117 Lagars' (Kundulino), 678 Putin'. Multas la Kokrit', Lakrot' (Feketo), Belakund', kisu vin! Kaj pri la ulo kiu nomiĝas Merdej', ĉu vi pripensas? 883 Konard-ojn (Stultulo) draste oni pugnofrapas en la lernejo. Forsaviĝu, jen 44 Murdist'. Oni diras ke estas unu Flik' (policisto, slange). Hej, vi nomiĝus Kamembert', vian vivon vi vomus. Eĉ estas regionoj kiuj specialiĝis! Isère (Izero) kultivas Glandu-n (Balano). Juraso faras kun Kreten'. Atlantika Luaro trenas aron da Salaud (Fiulaĉo). Pro la sangdeveno.

Ja elektu vian nomon kaj leĝofaru. Vi ĉiuj estas reĝoj. Estu liberaj homoj! Civila Stato neniam devus pli gravi ol via privateco. La legitimaĵoj nur valoras por la gendarmaĉoj, la doganistaĉoj, por la tirsabruloj de la ĉefoj, por la aspergistaĉoj!

# La Vojo Hejmen

## *Robert T. Tuohey*

trad. ***Mike Jones***

La nokto estis senfina nigro, prilumita nur magre, longe, longe for, per etaj, feble scintilantaj briliantoj. La aŭtuno estis preterpasinta, estis enterigita (kaj la memoro de la somero estis nun nenio pli ol nebula sonĝo), kaj la spirito de la vintro estis nun descendinta sur la Teron, sur la kamparon. Efektive, la malvarmo mem de la vintro enpremis sur la malgranda aŭto, skuis ĉe ĝiaj fenestroj, dum ĝi rapidis tra la mallumo, hejmen.

"Ne estos longe nun," la viro diris kviete.

La edzino de la viro, sidanta sur la pasaĝera flanko, dika jako pributonumite, brakoj kaj kruroj krucite, okuloj fermite, diris nenion. Sur la malantaŭa sidloko, volvita kaj kvieta, kvazaŭ dormante, kuŝis ilia filo.

Rapide, per la blank-flavaj konusoj de la lum-ĵetiloj, oni pritraktis la malluman vojon.

Ĉar la viro sciis la vojon, estis veturiginta ĝin en ĉiuj veteroj. Jes, estis malbona nokto; kaj, jes, li estis laca. Sed oni anticipu ĉi tiajn aferojn. Estis simple rutino teni viajn manojn sur la stirilo, viajn okulojn sur la vojo, kaj plupuŝi.

Ekbrilego de bruno-kaj-blanko subite plenigis la ventoŝirmilon.

Per ŝoko de energio la viro reagis: liaj brakoj strikt-iĝis al fer-preno sur la stirilo kaj lia dekstra piedo pugn-adis la bremsilon. Admirinda, lernolibra, respondo ~ sed tro malfrue.

La kraŝo de grandega korpo sur la kapoton, en la ventoŝirmilon, kaj poste rulfalanta pelmele super la tegmenton kaj finfine desur la aŭto estis surdiga, hororiga.

La manoj de la virino flugis al ŝia vizaĝo dum ŝi ellasis trapikan kriegon. La knabo estis ekŝovita antaŭen, frapante forte sur la sidlokojn antaŭ li, lokiĝanta sur la aŭto-planko, senspire.

Ne-scie, la menso de la viro perceptis, ke la vento-ŝirmilo estis frakasita kaj, ke estis larĝa ruĝa makulo trans ĝi. Elde sub la kurbigita kapoto insista, kolera siblo de vaporo eskapis en la malvarman nokto-aeron.

Li estis iomete stupora, sed rapide ordigis siajn pensojn.

"Ĉu vi du," li malrapide demandis, "estas en ordo?"

Li rigardis transen al sia edzino, kies okuloj estis larĝaj kun teruro, kaj poste en la malantaŭan sidlokon al sia filo, kiu estis luktanta rekte sidi.

"Tommy?" la virino diris ektime, rigardante mal-antaŭen.

"Jes, mi enordas, panjo."

"Kio okazis?" ŝi demandis al sia edzo.

"Ni frapis ion," li replikis, milde provante sian pordon. Glate, nedifektita, ĝi glitis malfermite.

Li zorge paŝis elde la aŭto, superrigardante la situ-acion. La aŭto estis haltinta apud la mezo de la vojo, misĝire. Kvankam la antaŭa finaĵo estis difektita, la motoro estis ankoraŭ funkcianta. Malantaŭe, sternita sur la vojo, forte kripligita, kuŝis la kadavro de granda cervo.

Li kliniĝis en la aŭton. "Ellen, provu vian pordon." Ŝi faris tion. Ĝi malfermiĝis. "Tommy?"

"Jes, paĉjo, ĝi funkcias."

"Prenu vian patrinon kaj staru trans la vojo," li diris. La knabo kaj virino elpaŝis.

"Kio estis ĝi, Brad?"

"Cervo."

"Ho, Kristo! Kiel – " Ŝia voĉo estis splitita, eĝeca.

"Ne nun, Ellen!"

Silentigita, ankoraŭ tremanta, ŝi provis forte fermi la pordon. Ŝi piediris al la malluma bordo de la vojo kun sia filo kaj rigardis la flavajn flagro-lumilojn enŝaltiĝi, kaj la aŭton moviĝi malrapide al la mala flanko. Apenaŭ videblan en la malalta, flagretanta lumo, ili povis vidi la grandan, nemoviĝantan korpon de la besto.

Ree sur la vojo, la viro prenis longan rigardon en unu direkto, poste en la alia. Estis neniom da aŭtoj vidotaj. Mallarĝigante siajn okulojn sur la vojo laŭ kiu ili estis venintaj, li pensis, ke, longe for, la malhelaj lumoj de hejmo povus esti perceptitaj... Li iris al la antaŭo de la aŭto, ekzamenante la difekton, konsiderante forte.

Malrapide, li ellasis regatan spiron. Ĝi blankiĝis en la vintra aero, malaperante tuj.

Ankoraŭ ne-decidiĝinte, la viro piediris reen al la kadavro de la cervo.

"Kion ni estas farontaj, Brad?" Ellen vokis elde trans la vojo. Ŝi estis maltrankvila pri la malvarmo, pri Tommy...

Ĉar li ne sciis, li ne respondis. Li kroĉis la mortintan beston je ĝiaj kruroj kaj komencis malrapide treni ĝin el de la vojo. Kio restis de ĝi estis malordaĵo, kun sango, internaĵoj, ĉie.

Sen penso, kiel somnambulo, kun sia filo ankoraŭ enmane, Ellen transiris la malluman vojon. Ŝi deziris vidi.

Rigardadante demalsupre la rompitan, senvivan korpon, ŝia vizaĝo estis pala kaj timigita. Tremo skuis tra ŝia framo, kaj ŝi forturniĝis, ŝiaj okuloj eklarmante je la doloro de la afero.

Decideme, la viro viŝis siajn sangajn, malpurajn manojn trans sia pantalono.

Sen vorto, milde, li metis sian brakon ĉirkaŭ sia edzo, rigardante sian filon. Li kondukis ilin al la aŭto, metante ilin sekure en la malantaŭan sidlokon.

Li piediris ĉirkaŭen, eniĝis en la sidlokon de la stir-isto, kaj startigis la aŭton.

"Ni atingos la hejmon," li diris. "Nur necesos iom pli da tempo."

# Mikaelo Bronŝtejn

Se aperus mia strof'
sen peko,-
venus mi al filozof'
Seneko
por demandi homon ĉi
prudentan,
kiel vidu amon mi
latentan.

Elokventaj amoj jen –
la val' da...
ludas, lulas, logas en
kaj baldaŭ!
Sed ne indas paŝi al
la logo,
ĉar dubindas tiu val' –
mensogo.

Kaŝa am' evitas eĉ
rigardi.
Emas ene tiu meĉ'
Ekardi.
En la fundo de okul-
paroj
estingiĝas tiu brul'
post jaroj.

Do, turmentas vore min
La penso:
Ĉu senteblas la destin'
en menso?
Ĉu ekzistas la diven-
sperto
Por kompreni - jen ŝi, jen –
kun certo.

Dirus, do la prudentul':
-Mi certas,
ke pri tio eĉ spertul'
malspertas.
Vi ne skrapu nukon mis-
komprene,
sed amoron ĝuu ĝis-
matene.
Kaj pri la kaŝita brul-
trovo
enpensiĝu mi, oldul' –
sen povo.

# Maljunulinoj

## *Mircea Eliade*

## *trad. Ionel Onet*

Iu diris al mi foje – kaj mi supozas ke tio estas la unuanima opinio de ĉiuj rumanoj – ke la plej belaj virinoj en la mondo estas videblaj en Bukareŝto. En Bukareŝto, samkiel en aliaj urboj de Rumanio, de Balkanio, de Orienta Eŭropo ĝenerale, maljunaj virinoj montriĝas publike tre malmulte. Oni vidas ilin en malgrandaj nombroj sur la strato, preskaŭ tute ne en la tramoj kaj ekstreme malofte en drinkejo. Tio donas la impreson de juneco, frivoleco kaj lukso de la "belaj virinoj" de Bukareŝto.

La maljunulinoj de niaj urboj restas sur la kortoj, en la porĉoj, aŭ, ekstremokaze, antaŭ la domoj en la kvartalaĉoj, sidantaj sur seĝoj. Ili laboregis dum la tuta vivo kaj nun, maljunaĝe, ili feliĉas havi permeson ripozi sur seĝo en la korto por rigardi la vivon kaj la straton tra la barilo. La lastaj spuroj de gineceo.

Aliflanke, ju pli okcidenten oni iras, des pli da maljunulinoj oni renkontas. Ankaŭ ili laboris dum la tuta vivo, sed nun kiam ili ne plu havas zorgojn, ili eliras por promeni, ili vidas la mondon – aŭ almenaŭ ili vizitas la urbon en kiu ili havis tiom malmulte da tempo por promeni antaŭ ol ili vidis siajn filojn edziĝintaj kaj edzinigis siajn filinojn. En Svislando kaj Germanio la parkoj plenas je maljunulinoj; kaj iliaj malhelaj vestaĵoj malbrilkoloraj donas la impreson de tristo kaj aflikto eĉ al la plej splendaj ĝardenoj. En Anglio, la ĉeesto de maljunulinoj povas esti subiga. Trajnoj, ŝipoj, busoj, "historiaj" preĝejoj kaj artmuzeoj plenas je maljunaj anglinoj kiuj ne povas rezigni pri la vivo, kiuj vojaĝas kaj lernas kaj amuziĝas kvazaŭ en la junaĝo ili ne havis tempon por tio. Mi ne baldaŭ forgesos tiujn kelkajn horojn kiujn mi pasigis sur ŝipo de Oostende al Dover, ĉirkaŭite de cento da maljunaj damoj, ĉiuj kuŝantaj sur ferdekaj foteloj, ĉiu kun sia krimromano en unu mano kaj pako de cigaredoj en la alia. Ankaŭ ne la trajnvojaĝon de Londono al Oksfordo en triaklasa kupeo, eleganta sed "regata" de maljunulino kun griza hararo paĝifrizita, kiu fumis unu cigaredon post la alia kaj parolis provante esti koketa dum tri plenaj horoj.

Ĉi-rigarde, almenaŭ, la Suda kaj Sudorienta Eŭropo estas preferinda al ajna "civilizita" urbo.

*Teksto tradukita kaj publikgita okaze de la 100-jara datreveno de Mircea Eliade (1907-1986).*


***Louis-Ferdinand Céline***

**Vojaĝo ĝis noktofino**

**Romano**

**El la franca tradukis**

**Armela LeQuint kaj Ĵak Le Puil**

**Eldonis Mondial, Novjorko 2005**

**370 paĝoj, 24 €**

# LKK-bis

## Komunikoj

**6-aj Someraj Dialogoj Eo-Restadejo 8-9 septembro.** En Monistrol de Montserrat, Barcelono. Korespondа adreso: BE-C Salvador Aragaj Cami del Pou n-ro 9, ES-08691, Monistrol de Montserrat, Hisp.. Tel 64 54 04 755. Informojn: barcelonaesperantocentro@yahoo.es. Programo: tagon 8an je la 11a horo Saluto kaj bonveno. Prelego kaj Dialogoj. Esperanto-leciono. Babilado. Ronda diskutado. Nur tagmanĝo 14€., kompleta pensiono en dulita ĉambro 35€ po persono kaj tago. En unulita ĉambro 45€ po tago, en "Hostal Guilleumes" apud la Restadejo. La prezoj inkludas la aliĝon.

**La avantaĝoj de urbĝemeliĝo per esperanto**

Eble ne ĉiuj scias, ke en marto 2005 la urbestroj de Herzberg (Germanio) kaj de Gora (Pollando) renkontiĝis kaj -surbaze de decido de la respektivaj urbaj konsilantaroj- deklaris la du urbojn ĝemeligitaj kaj fiksis ke la reciprokaj oficialaj rilatoj okazos per Esperanto. Al tiu ĉi senprecedenca -iasence eĉ sensacia- rezulto kontribuis la agado de la Esperanto-societo en Herzberg.

Alia aspekto de la ĝemeliĝo estas la multnombraj kursoj de Esperanto okazantaj en ambaŭ urboj. Por pliaj informoj http://www.ic-herzberg.de

**Profundigi la pedagogiajn konojn**

La Inter-kultura Centro kunvokas Internacian Metodikan Semajnon en Herzberg am Harz.. De la 29-a de junio ĝis la 7-a de julio 2007, sed la rapidemuloj povas elekti la solan semajnfinon de la 29-a de junio ĝis la 1-a de julio. Dum la Seminario -kiu celas la praktikan pliprofundigon de la pedagogiaj kaj lingvoinstruaj lertoj kaj konoj de E-instruistoj, -instruantoj kaj -klubgvidantoj- la partoprenantoj trejniĝos pri kernaj aspektoj de moderna lingvoinstruado, okupiĝos pri lingvopolitikaj demandoj kaj pri la novaj normoj de la "Komuna Europa Referenckadro".. La aranĝon gvidos Zsofia Korody, Katalin Kovats (ambaŭ el Hungario) kaj Sylvain Lelarge (Francio) de www.edukado.net. Por informoj kaj aliĝoj: http//ic-herzberg.de aŭ: esperanto-zentrum@web.de

**Grava speleologia retejo parolas esperante**

Italio riĉas je interesaj naturkavoj, kaj sekve ankaŭ je aktivaj speleologiaj grupoj. Ekde kelkaj jaroj la speleologistoj de Narni, ĉarma urbeto de Umbrio (centra Italio) eldonas belan retejon, kiu antaŭ nelonge iĝis internacie konata; laŭ la fama bulteno WCN (Tutmondaj Speleologiaj Novaĵoj) ĝi estis pasintoktobre la unua speleologia ttt-paĝaro en la tuta mondo laŭ la nombro de vizitantoj, dum nuntempe estas la dua. La nomo de tiu retejo estas Scintilena (prononcu "ŝintilena") vorto kiu en la dialekto de Narni signifas acetileno, la ĥemiaĵo uzata de grotesploristoj kiel brulaĵo por lumiloj. Por faciligi la plivastigon de la legantaro, la prizorgantoj de Scintilena decidis aperigi artikolojn en diversaj lingvoj, inter kiuj ankaŭ esperanto, danke al la kunlaboro kun la loka esperantista grupo "Paclingvo". Scintilena (www.scintilena.com) ne pritraktas nur grotojn, sed ankaŭ ekologion kaj naturan ekskursadon, kaj feliĉe bonvenigos kontribuaĵojn el la tuta mondo pri tiuj temoj. Ni varme invitas ĉiujn naturamantojn, kaj precipe tiujn kiuj interesiĝas pri natura esplorado kaj ekskursado, viziti Scintilena-n kaj helpi nin konigi tiun interesan retejon. Pozitivaj reagoj de Esperantio certe estos la plej bona subteno al tiu bela iniciato, kiu donos pluan etan kontribuon al la fruktodona interkomunikado inter esperantistaro kaj tutmondaj naturamantoj.

Gabriel' Aquilina - gabriele.aquilina@tin.it

**Veterana Esperantista Klubo (VEK)**

La kriterio por membreco en VEK estas minimume kvardekjara Esperantisteco; tia membro nomiĝas veterano. Membro kun minimume kvindekjara esperantisteco nomiĝas jubileano kaj la membro kiu esperantistiĝis plej frue estas la dojeno de VEK.

Kvankam VEK estis fondita en 1949 ĝi pasivas jam de pluraj jaroj. Pro tio oni decidis provi reaktivigi ĝin kun novaj, utilaj celoj: krei arkivon de homoj kies profundaj spertoj pri la lingvo kaj la movado povas esti utilaj por doni informojn kaj konsilojn al la nunaj gvidantoj de la movado kaj ties historiistoj.

Ĉiuj kvalifikitaj homoj estas invitataj membriĝi en VEK. Kvankam la kotizo estas libervola, la rekomendita sumo egalas al tiu de Membro kun Gvidlibro de UEA en la koncerna lando. Bonvolu anonci vin al UEA kiu sendos al vi enketilon/ aliĝilon.

*(NDLR: maljunuloj de ĉiuj landoj unuiĝu!)*



**Al la oficialigo de Esperanto en Rusio**

La 13-an de aprilo 2007 en Rusia Akademio pri Klerigo (Moskvo, Rusio) okazos Internacia konferenco «Propedeŭtika rolo de Esperanto en lernado de fremdaj lingvoj». La aranĝo estas iniciatita de Rusia Ministerio pri Klerigo kaj Scienco post la letero de Eŭropa Jurscienca Universitato Justo (EJU Justo) kaj Rusia Esperantista Unio (REU), kiu enhavis proponon enkonduki Esperanton en studplanojn de rusiaj klerigejoj. La laboron de la konferenco partoprenos elstaraj rusiaj kaj eksterlandaj sciencistoj, Esperanto-instruistoj, esperantistoj, sociagantoj, politikistoj, reprezentantoj de amaskomunikiloj. La laborlingvoj de la aranĝo – la rusa kaj Esperanto. La rezulto de la konferenco fariĝos rezolucio, kiu devos esti la bazo por la decido de la Ministerio rilate studadon de Esperanto en rusiaj klerigejoj.

Por ricevi aldonan informon bonvolu kontakti la Organizkomitaton: prof. Gennadij Ŝilo, rektoro de EJU Justo, tel.: (+ 7 495) 790-34-76; retpoŝto: rectorate@ejusto.ru; prof. Liana Tuĥvatullina, vicrektoro, katedrestro pri internaciaj lingvoj de EJU Justo, tel.: (+7 903) 779-18-91; retpoŝto: admin@ejusto.ru

**San Giuliano en Esperanto**

Granda nov-projekto por la Esperanto-disvastigo. San Giuliano Mare (San-Juliano Maro) estas parto de la centra kvartalo de Rimini, la itala fama marurbo, ĉe la adriatika maro. Tie formiĝis forta grupo da ekonomikaj operaciantoj, kiuj, en la kadro de "Esperanta Romanja Unio", elektis partopreni kune en grava projekto kaj difini komunajn celojn kaj iradojn, ĉar ili opinias ke eblas disvolvi fortajn sinergiojn por turisma/kultura evoluiĝo kaj sukceso de San Giuliano Mare, konjugante ilin per efika agado progresiga kaj disvastiga de Esperanto. Partoprenis la grupon, kiel kunorganizanto, CERES (Esperanta Rimina Centro Ekumena Solidara).

Ĉi tiu iniciato konstituas startopunkton de nova strategio kaj antaŭvidas la realigon en nia ĉemara kvartalo de grava "Esperanta Poluso", kiu, kuntrenante ekonomikajn operaciantojn (hotelistojn, restoraciistojn, ktp.), enloĝantojn kaj lokajn instituciojn, sukcesu igi tiun zonon gvidosigno por la samideanoj de la tuta mondo, eĉ konsiderante ke tie ĉeestas ankaŭ la Preĝejo de "Sanktaj Johano kaj Paŭlo", la unuNura en la mondo ilustrita per ege belaj mozaikoj, kiuj prezentas multe da esperantaj surskriboj kaj, pro tio, nomata la "Katedralo de Esperanto".

Jen la programo, kiu surprenos la taskon doni impulson al ideo "Esperanto lingvo de amikeco, frateco kaj paco":

- La tritaga "Festo de la Popoloj kaj de la Lingvo de la Paco" (29/31 julio).
- Gvidataj ekskursoj kaj vizitoj de la urbo
- Kunvenoj, kongresoj, kursoj (por adoltoj kaj infanoj).
- Speciala plifaciliga programpaketo por samideanoj, kiuj alvenos viziti nin en ĉi tiu unua bansezono.

La fina celo estas krei kaj alĝustigi fortikan kaj daŭran strukturon, kiu kapablas proponi agrablan kaj originalan produkton turisman/kulturan al la esperantista mondo. Por informoj kaj klarigoj: ESPERU-sekretario Vincenzo Contino - vcontino@rimini.com

**Esperanta kolokvo pri planlingvaj bibliotekoj en la Austria Nacia Biblioteko dum oktobro 2007, Vieno**

Nia planlingva spirita heredaĵo estas konservata en bibliotekoj kaj arkivoj. Ĉi-rilate bedaŭrinde ekzistas multaj problemoj, tro ofte nekonsciataj. Pro tio la Esperantomuzeo kaj la Kolekto por Planlingvoj de Aŭstria Nacia Biblioteko, Vieno, aranĝos kun la subteno de UEA internacian kolokvon en Esperanto je la temo

**"Planlingvaj bibliotekoj kaj novaj teknologioj".**

La kolokvo okazos la 19-an kaj 20-an de oktobro 2007 sub teknike bonaj kondiĉoj en la nova sidejo de la Esperantomuzeo, Palais Mollard, Herrengasse 9, A-1010 Vieno.

La celo de la kolokvo estas prezenti la ĉefajn problemojn, kiujn frontas diverstipaj planlingvaj bibliotekoj kaj arkivoj kaj kiuj estas solvendaj. Jen la enhavo de la antaŭvidita programo:

- prezento de la aktuala situacio de Esperantomuzeo kaj Kolekto por Planlingvoj
- informoj pri gravaj bibliotekoj kaj arkivoj
- utiligo kaj diskonigo de la riĉaĵoj de la kolektoj
- problemoj de la modernigo de la kolektoj, i.a. per la utiligo de novaj teknologioj

La reciproka konatiĝo de la koncernaj respondeculoj, la komuna pridiskuto de la nuntempa rolo de niaj bibliotekoj kaj arkivoj, helpu al ni trovi konvenajn vojojn kaj metodojn por starigi kunlaboron kaj interhelpon.

Programskemo:

19-a de oktobro: Malfermo (9h00), faka programo, komuna vespero

20-a de oktobro: Daŭrigo de la faka programo ĝis vespero

Kotizo: 45 €, reduktite 30 €

Pliaj informoj ĉe: esperanto@onb.ac.at

## Gazetoj

(*Sur la kovrilo de La KancerKliniko 120 aperas en la listo de entombigitaj E-periodaĵoj iu "Bazaro". Se temas pri la revueto de E-o-Asocio en Cluj-Napola, Rumanio, oni sciu ke la entombigo okazis tro frue: tuj post la aludita LKK venis la 39ª numero de tiu Bazaro, kiu ekzistas jam dek jarojn.*

***Ionel Onet***

(Ne temis pri tiu ĉi Bazaro, sed pri la dusemajna suplemento al la revuo "Survoje", kiu aperis en Sovetio ekde 1990. Legu sube pri la vivanta Bazaro! ĴLP)

**Bazaro**, C.P. 200. RO-400750 Cluj-Napoca, OP.1. por Sigmond Julia. <jusi@freemail.hu>. 4 numeroj jare, formato A5, 24 p. Abono por eksterlandanoj 8 IRK.

La 4 numerojn de 2006 mi ĵus ricevis. Mi konfesas ke mi neniam aŭdis pru tiu revueto antaŭ ol mi ricevis la leteron de Ionel... kio pruvas, ke io lamas en niaj informoj kaj ĉefe libroservoj (vd. en -

la rubriko "Legi" la dirojn de Tonkin en la libro "Lingvo kaj popolo").

Kiel en ĉiu bazaro, ĉion oni povas trovi en tiu ĉi revueto. Speco de "Laŭte!", kie ĉiu rajtas esprimi sin. Do, kaj interesaĵojn kaj tedaĵojn vi trovos en ĉiu numero. Ĉi tie tedas min la bigotaĵoj... Sed plaĉas i.a. la sciigoj pri Rumanio, la rubriko "Kiam mi estis la plej feliĉa en la vivo", kun kontribuoj de Ĵenja Amis, Gerrit Berveling kaj Ionel Onet. Bedaŭrinde kelkaj artikoloj estas en tre malalta lingvonivelo... Kial do la redakcio ne elsarkas la rektajn erarojn? (jam en la "Pruntlibraro", "ramburso" korektu al "remburso"...).

**Litova Stelo**, 2007/1. Leginda artikolo: "Superba baletistino". Ne nur la artikolon pri "La fiero de Litova nacia opero kaj baleta teatro, la fama baletistino Egle Ŝpokajte" vi ĝuos, sed ankaŭ belegajn fotojn de tiu eminenta artistino.

**La Brita Esperantisto**, n° 962. Apud pluraj omaĝoj al William Auld, jen multaj legindaĵoj: el la raporto pri la Somera festivalo en Barlastono, mi plezure legis ke "Per ekzercoj kaj spritaĵoj, la kursgvidantoj revizitis la lingvan fundamenton kaj prezentis al ni, novuloj kaj kvazaŭnovuloj, elementojn de Esperanto-kulturo, inkluzive de homoj kiel Andreo Cseh, Stefan Maul kaj Ĵak Le Puil, kaj de artaĵoj kiel poezio kaj kantado." (foroferu ĵetonon por Somero en Barlaston'!); ankaŭ la artikolo de Jack Warren pri "Ridigaj aparatoj" estas vera trezoro kun multaj ilustraĵoj kiel ekz. "La ĉetabla elektra trajno", trajno kiu kelnerumas, servante fiŝpladon al nepre gravmienaj gastoj!

**La Gazeto**, n° 129. Ĉi-foje Eugène de Zilah retrovas sian plej viglan stilon de "Vivi sur barko" kun la artikolo "Nigra tajdo, blanka teroro" pri la ŝipo *Prestige* kaj ties kapitano Manguras, malprave akuzita pri poluado. Ankaŭ interesa artikolo de Hu Guozhu pri la ĉina verkisto Cicio Mar. Ĝuu tiun frazon: "En favora okazo Cicio Mar tenis sin *nepavema* kaj humila". Bele, ĉu ne?!

Grava atentigo!

En LKK 121, mi recenzis "Diccionari Català-Esperanto" bedaŭrante en la konkludo, ke ne ekzistas iu reciproka formo "Esperanto-Català". Nu! Oni informis min pri la ekzisto de iu "Dictionnari essential Esperanto-Català" eldonita en 1997 de Alòs-Carbonnel, ja iom elementa (165 p.), tamen sufiĉe bone farita.

**Serge Sire.**





... la lingvouzo de la aŭtoro, jam konata pro sia traduklaboro pri diversaj gravaj verkoj, estas neriproĉebla.... se vi volas malkaŝe konfronti la realon de la vivo, la libro estas rekomendenda.

**Donald Broadribb, Monato**

Pro ĝia mallongeco, ĝiaj lingvaj kvalitoj, pro la inteligenta kaj interesa rakonto kion ĝi enhavas, ankaŭ pro ĝia malalta prezo, mi prognozas la sukceson de tiu ĉi libreto en niaj kluboj.

**EdZ, La Gazeto**

Tiu ĉi kruda dokumento revenigis min al propra infanaĝo en sama epoko, en familia cirkonstancaro ne aparte feliĉa sed certe malpli tragedia. Dankon al Armela mem pro sia atestaĵo, kiu supozeble estas, en Esp-o, la unuura tiaspeca.

**Kribo, Laŭte!**

Tre interesa rakonto de infanaj travivaĵoj, de maldorlotita infano, naskiĝinta en Normandio dum la dua mondmilito...

**CNM, Le Monde de l'Espéranto**

La rakonto apartiĝas de aliaj, kvazaŭ la vortoj estas pli densaj, la frazoj pli plenaj. Kun koncizaj frazoj, trafaj vortoj en flua rakonto, la stilo belas.

**Marielen' Deser', La Sago**

Estas des pli facile legi la tutan verkon senhalte, ke la stilo fluas pro la simpleco de la strukturo de la propozicioj. Foje la frazoj ne kompletas same kiel en parolado. "La monero en mia poŝo, ne plu". Mi povis preskaŭ aŭdi la voĉon de Armela konfidi al mi siajn travivaĵojn.

**Franciska Toubale, Laŭte!**

... Kiel Armela tamen sukcesis restarigi la rilaton kun sia patrino estas unu el la plej memorindaj okazaĵoj en la libro.

**Anna Löwenstein, Esperanto**

## Letero

Kara!

Antaŭ nur kelkaj horoj alvenis al miaj manoj LKK-121. Bonega! Krom la verkaĵoj de tiu stultulo nomata mi (kiun mi nur aprezas dum la krea momento!), mi tre ŝatis (kiel ĉiam) la septieran kaj goninazan prozon, la memoraĵojn de mia bona amiko Kurisu Kei kaj la demandojn de alia bona amiko nomata Ĵak Le-vi-jam-scias-kiu, ĉefe la seniluziiĝo de lia lando sen koloni'.

Ne malpli mi ŝatis la bonan farson de Napo-Leono. Ĝenerale ĉio ŝatenda, kio signifas ke post tiom da jaroj LKK (t.e. ĝia redaktoro) plue restas juna kaj vigla. Mi sincere gratulas kaj deziras aliajn 30 jarojn da vivo, almenaŭ. La tago (vade retro!) kiam, la proksiman jarcenton, LKK ĉesos aperi, la esperanta mondo estos multe pli teda kaj eble neeltenebla.

*Manuel de Seabra*

## Komunikoj

**Ĵus aperis** la tria eldono de la ĉina traduko de la romano de Manuel de Seabra "La armeoj de Paluzie" (Zhi Bing en la ĉina). Eĉ pli bela eldono ol la du unuaj, kun pli da ilustraĵoj kaj tutpaĝaj represoj de la kovertoj de la portugala, kataluna kaj rusaj eldonoj, krom la foto de la tradukistino, tre bela junulino.

------------------------

**Sss - Senpage seminariumu septembre en Pisa**

Ĉi-jare la 74a Itala Kongreso de Esperanto (Pisa, 1a-5a de septembro 2007) prezentos tute novan vizaĝon, tre allogan ankaŭ por eksterlandaj esperantistoj. Jen por vi kelkaj anticipaj informoj:

1. Unue, memorindas (aparte por kiuj ne povis viziti la Uk-on en Florenco en 2006, aŭ estis tie tro okupitaj, aŭ tie eĉ pli eksoifis je arto kaj belo), ke:
- Pisa estas mem belega art-urbo, situas en Toskanujo, kaj de tie eblas facile atingi artajn juvelojn same kiel el Florenco (krom Florenco mem). Du postkongresaj tagoj estos dediĉitaj al ekskursoj (Lucca kaj Lunigiana: 2006-09-06; Volterra kaj ĉirkaŭa Etruskujo au San Gimignano : 2006-09-07).
- La klimato multe pli-agrablas ol tiu de Florenco, ĉar la monato septembro estas plej milda kaj Pisa estas proksima al la mediteranea maro .
- La Pisa-flughaveno estas mult-aspekte ideala :
- La loĝkostoj estos pli moderaj ol tiuj en Florenco, kaj malmultekosta solvo estos havebla por gejunuloj.

2. El kultura vidpunkto, la tradicia formulo estas inversigita: la kongreso okazos ĉirkaŭ tre elstara kleriga programo, anstataŭ male. Imagu: ĉiu kongresano rajtos, tute senkrompage, partopreni dum tri tagoj, ĝis ok horojn ĉiutage, en klerigaj programoj gvidataj de altvaloraj homoj, kiaj: Katalin Kovats (lingvaj kursoj), Paul Gubbins (moderna didaktiko), Mauro Nervi + Baldur Ragnarsson + Spomenka Ŝtimec (esperanta literaturo). Krome, eblos partopreni en informadika laboratorio (interalie, Linux kaj ties aplikoj) gvidata de Massimiliano della Rovere kaj Claudio Imprenda.

Eblus slogane resumi: Sss - "Senpage seminariumu septembre" en Pisa, tritage, 24-hore, okaze de la nacia kongreso.

3. Ankaŭ la arta programaro vespera estos altnivela, kun subĉiela inaŭguro en la apuda ĉemara Marina di Pisa, pivotanta ĉirkaŭ kanzonaro de Fabrizio de André.

4. Kromaj informoj: - Ret-adreso: http://tinyurl.com/yw55jz
- La kongresa kotizo estas modera: ĉirkaŭ 50 € (de 25€ ĝis 80€ laŭ la cirkonstancoj); kotizoj kaj aliĝilo: http://tinyurl.com/2lhz4m



# Legi

**Parodioj kaj sonetoj**, Nicolas R. St. Julien, Vulgara Internacia Presejo, Bugras (Vulgario), 2007, 33 paĝoj.

De tiu anonima aŭtoro vi jam povis legi "Ho, mia kac'!" en LKK-119, kaj "Ho, mia piĉ'!" en LKK-120. Nur la unuan vi retrovos en tiu libreto kun 22 aliaj poemoj. La unua parto konsistas el parodioj laŭ poemoj de L.L. Zamenhof, i.a. la lasta strofo de "Preĝo sub la seksa impulso" kaj "La vojo" entute kiu iĝis "La kaco" kun tiu mirinda lasta strofo: La varmo, l' humido kaj ĝusta kadenco – Jen estas la trajtoj, per kies potenco – Ĝi puŝon post puŝo, post longa traboro – Atingos la fundon en gloro, kaj A. Grabowski. La dua parto konsistas el 12 sonetoj al la Damo, damo tre fikema por nia plezuro, sed ŝajne ne ĉiam por tiu de la aŭtoro...

**Lingvo kaj popolo**, aktualaj problemoj de la Esperanto-movado, Humphrey Tonkin, UEA 2006, 159 paĝoj.

Jen tre riĉa libro en 8 ĉapitroj: La lingvo kaj ĝia rolo – Lingva politiko interna kaj ekstera – Kio estas lingvopolitiko – Lingvokultuvado – Eksteraj rilatoj – Nunaj kaj estontaj strukturoj – La E-o-komunumo en la mondo –Esploroj kaj estonteco. En la antaŭlasta ĉapitro Tonkin elmetas ideon, kiun mi havis antaŭ multaj jaroj, kaj kiun mi proponis al la tiama UEA, sen sekvo. Jen: "Kial, cetere, estas tiel malfacile ekscii pri la ekzisto de difinitaj gazetoj, kaj ilin aĉeti aŭ aboni? Kial oni ne vendas aktualajn gazetojn en unuopaj numeroj en la grandaj libroservoj, ekzemple la kongresa libroservo en la Universala Kongreso?" Jes, ĉiufoje, kiam mi povis prezenti LKK-on dum kongresoj/manifestacioj, mi vendis multajn unuopajn ekzemplerojn kaj eĉ rekoltis abonojn. Do, dankon al Tonkin, kiu eble havos pli da influo ol mi, eĉ se li tute ne aludas LKK-on en sia libro!

**La ribelo**, romano de Joseph Roth en traduko de Tarsen Regis, SAT-Broŝurservo 1988, 100 p. 2,50 € + 20% (afranko), ĉe "Laŭte!" FR-47470 Beauville.

Andreas Pum perdis kruron dum sia militservo kaj sekve ricevas premion. Li fieras pri tio kaj plie ricevas gurdolicencon. Li bone enspezas kaj edziĝas kun vidvino. Por li ĉio en ordo. Sed iun tagon homo elmetas dubon pri lia invalideco. Tiam Andreas ribelas kaj la polico prenas sian licencon. Li eĉ estos malliberigita. Do ĉion li perdos, kaj la licencon kaj la edzinon. Iom tro malfrue li ribelos, kontraŭ dio, kontraŭ tia socio. Tre originala romano en flua lingvo.

**Kie brulas, ĝentlemanoj?** 50 poemoj de Charles Bukowski, trad. Hagen Hirte, 88 p. 2,50 €. Laŭte!

Mi komparis tiun tradukon kun tiu de Cezar (E-libro). Je 95% ili samas. Foje unu superas la alian, foje inverse! Sed la du tradukoj estas bonaj.

Jen kelkaj titoloj de la poemoj, se vi neniam legis Bukowskin: "Viro kaj virino enlite je la deka vespere", "Al la putino, kiu ŝtelis miajn poemojn", "Hemoroidoj-Blues", "Por friponoj, monaĥinoj, oficistoj kaj vi"... Do se vi ne timas fikadon kaj ebriecon, legu la poeton.

**Ne nur vortoj, sed agoj**, artikoloj (1950-1989) de Roland Levreaud, 112 p. 3 €. Laŭte!

**Prelegoj kaj aliaj artikoloj**, kiuj ĉiuj aperis en Sennacieca Revuo. 112 p. 4 €. Laŭte!

Klarvida kaj klera homo estis Levreaud. Jam en 1954 li skribis pri la "Fuŝa Eŭropo". Konvinkita pacisto li estis: "Laborante kun la militrifuzantoj", "El la notlibro de pedalema pacisto", "Esperanto kaj 'Internacia Urĝa Agado'", ktp ne lasas dubon pri lia sincereco. Ankaŭ pri kinoarto, historio, Esperanto grandan konon li havis.

El la artikoloj de Sennacieca revuo vi ankaŭ trovos ke Levreaud estis ŝatanto de ĵaz-muziko, ke li skribis pri la Kataristoj antaŭ Cherpillod..., ke li sin demandas pri la atomcentraloj ĉu ili estas savaj aŭ apokalipsaj, ktp. Kaj neniu ĝis nun sin demandis kial ni (Armela kaj mi) dediĉis nian tradukon "Vojaĝo ĝis noktofino" al Levreaud...




**OSIEK-Konferenco 2007**

**Pazarĝik, Bulgario, 14a-20a de julio**

*Mitoj kaj legendoj*

Atribuado de **OSIEK-premio** 2007

postkonferencaj ekskursoj dum tri tagoj

**Informoj, aliĝoj**: Georgi MIHALKOV (Julian Modest)

☎ (02) 934-42-55 ✉ modest@abv.bg

Eric LAUBACHER: ☎ +33 1 30 96 67 91 ✉ kasisto@osiek.org

http://osiek.org

**Mortiga ekskurso**, Ronald Cecil Gates, originala krimromano, 108 p. Flandra Esperanto-Ligo, 2006.

Jen la kvara krimromaneto de R. C. Gates. Mi ne tro aprezis la unuan, *La septaga murdenigmo*, nek *Sep krimnoveloj*-n kaj bedaŭrinde mi same bafas pri ĉi tiu *Mortiga ekskurso*.

Grupo da studentoj faras ekskurson en la ŝtata praarbaro. Dum ili trinkas teon, ilia instruisto for-iras kaj ne revenas. Ili do serĉas lin kaj trovas ke li falis je tridek metroj apud akvofalo. Sed ne temas pri akcidento...

Do nun jen la enketo, kaj ghin vi povos sekvi sen tro da enuo, eble dum ne tro longa trajnvojaĝo... Sed la plej nedigestebla flanko venas de "kelkaj lingvaj idiosinkraziaĵoj" de la aŭtoro... kiuj estas tutsimple "idiotaĵoj"! Mi iom miras, ke FEL akceptis ilin.

**Tabuaj vortoj en mondlingvo**, komputila kd kun prelego de Don Lord, poemoj de Kaloĉajo kaj vortaro de maldecaj vortoj. Esperanto-Asocio de Britio 2006, Esperanto House, Station Road, Barlaston, Stoke-on-Trent, ST12 9DE. Prezo 3,50 £. (tiun simbolon mi ne uzis de Metuŝelaĥo!).

Jen la perfekta komplemento al *Knedu min Sinjorino!* Vi eĉ (re)trovos en la disko la tekston de la *Sekretaj sonetoj* de Kaloĉajo kaj la Auld-an tradukon de *La balo en Kerimjur'*, tradicia skota kanto, kiun vi povis legi en LKK-20 de 1981 (kun muziknotoj!). Por instigi vin aĉeti tiun kodon, mi ne trovas pli trafan frazon ol tiu, kiu konkludas la prian recenzon en *La Brita Esperantisto*: Aĉetu, merd-fekpest'... kaj sakru kiel ajna volabugristo!

**La komuna Eŭropa Refrenckadro**. Pri instruaj kaj taksaj metodoj por la akiro de modernaj lingvoj. UEA/Ilei, 2007, 34 p. Antaŭparolo: Renato Corsetti. 3 €.

Eksciu, ke la materialon por tiu broŝuro pretigis la Lingvopolitika Departemento de la Konsilio de Eŭropo, Strasburgo. Nun, se vi fidas tiun Konsilion, vi povas legi tiujn paĝojn kun la optimismo de Renato Corsetti...


Monato
La mondo ĝas por vi malpli kosta!
Nun vi povas vian
kaj ricevi la Monato
dum 3 monatoj
Por pliaj informoj kaj kondiĉoj vizitu:
www.monato.net
aŭ skribu al Monato
Flandra Esperanto-Ligo
Frankrijklei 140
B-2000 Antwerpen, Belgio
Fakse: +32 3 233 54 33
Rete: monato@fel.esperanto.be


**Ormuzdo kaj Arimano**, Carl Jonas Love Almqvist, politika satiro, tradukis Gunnar Gällmo, 2007, mendebla ĉe http://www.lulu.com

"Se vi trovas partojn de la esperantlingva teksto malfacile komprenebla, mi ne povas pardonpeti; por nuntempa svedlingvulo ankaŭ la originalo estas malfacila." skribas la tradukinto en sia antaŭparolo. Do mi trankvile ne devos pardonpeti por diri ke multaj frazoj estas nur ĵargonaĵo! Bedaŭrinde ankaŭ la rakonto estas pli ol nebula. Jen bono/malbono, jen Ormuzdo speco de Dio kaj Arimano speco de Satano. Kaj la "dekretoj" de Ormuzdo pelas onin en la brakojn de Arimano... pri kiu fakte oni poke ekscias! Baf!

**La regrifuzanto kaj aliaj budhismaj fabeloj**, de Gunnar Gällmo, 2007, mendebla kiel supre.

Ŝajnas ke tiu libro estas multe pli alloga ol la supre menciita... ĉar montrinte ĝin en kunveno de la grupo de Bourges, iu anino, post foliumo, ege deziris ĝin legi! Mi do grandanime akceptis ŝian peton, kaj tiel venontnumere vi eble legos ŝian recenzeton. Se ne, vi scias kio atendas vin!

## 62a kongreso de SAT-Amikaro, 6-10 aprilo 2007 en Bordozo

Por trankviligi mian amikon Michel Duc Goninaz, eksciu ke dum tiu kongreso ni ne kantis Marseljezon, nek cetere La Internacion... (mi ne certas ĉu tiu lasta informo estas trankviliga!).

Sed riĉan artistan kaj kulturan programon ni ĝuis: Jomo slavumis dum du horoj kun Irina Lebedeva kaj 3 muzikistoj – Famo kun sia akordiono kantis dum horo kanzonojn (en la franca kaj en Esperanto) tenerajn kaj humurajn. Jen certe nova (relative, ĉar li jam estis en la bando "La Kompanoj") "bardo" pri kiu oni plu aŭdos! Fine nia "bardo sen barbo", Georgo Handzlik regalis nin dum horo per kelkaj el siaj jam bone konataj kanzonoj, kiel "Titaniko", "Ludoviko", Ĝis revido" "Dek klubanoj", ktp.

Rafa faris mirindan prelegon: "Permuzika promeno sur 20a jarcenta eŭska poezio". Li mem kantis, sen akompanaĵo, unu kanzonon en la eŭska kaj poste aŭdigis unu alian registritan de profesia kantisto. La du kanzonoj montris la belecon de tiu lingvo. El la poetoj prezentitaj, ni eksciis ke Jon Mirande, kiu lernis la bretonan, la gaelan, ktp, retroviĝis dum la dua mondmilito kun la bretonoj, kiuj subtenis la naziojn. Eĉ, en la kvindekaj jaroj, tiu Mirande havis rilatojn kun nia plej fama faŝisto Jean-Marie Le Pen! Tial estas malfacile hodiaŭ paroli pri tiu poeto en Eŭskio. Fakte same okazas en Francio kun ekzemple Robert Brasillach, poeto mortpafita en 1945 pro multaj artikoloj favoraj al la germana armeo. Kaj certe same okazas en ĉiuj landoj: malfacile akcepti ke fiulo povas esti genia artisto...

Tre atentokapta estis la prelego de Margareta Handzlik pri la tradukproblemo en Eŭropa Unio. Sed pri aliaj eroj dum tiu kongreso, legu La Sago-n (ja foje ni vinumis anstataŭ ol ĉeesti (eble) valoran prezentadon!).

# Fra Gaeta

**Du heredaĵoj**

laŭ la granda vergilio
vartistin' de l' praenea
fil' la milda askanio
nom' kajeta mortis tie
ĉi al golf' patronimie
kaj ekzistas en la mio
el prameditemea
mar' malsan' talasemio

**Teraerkirlo**

kio estas mi naskiĝis
kunmetaĵe dulitera
vorto tra la kreitaĵoj
"m" devenis el momento
tuja blovo de la vento
patra movo dum al aĵoj
venis "i" patrin' amtera
kune esperkirlo iĝis

**Memportreto**

pli ol ĉio estas justo
tio regas en ĉi brusto
amo sekvas kun adoro
ili viglas en la koro
ja mi havas apetiton
sed malŝatas hipokriton
ĝuas bonan ekvilibron
poezian ludkolibron

**Mi la burindanazeno**

ĉu de l' dio lampiono
aŭ hazarda partikulo
nun mi estas ĉi peono
kiu vivas kiel pulo
sed eltrovas rondan̂ nulon
nu pro la dilem-abono
ĉu alfrontos mi l' okulon
de l' ciklopo aŭ ciklono

**Vive kaj gaje**

kiam ekalegras ondoj
kaj koloroj ĉie plenas
post forir' de l' nuba velo
amo en la daŭro amas
vero super ĉio famas
de l' subgrundo ĝis ĉielo
aklamante min subtenas
superbele miaj mondoj

**Sur la Hesperidinsuloj**

ĉiam eblas milde diri
amrilate revajn vortojn
ilin oni povas fidi
kiel jenajn diajn hortojn
niaj koroj estas puraj
antaŭ tiom da bonaĵoj
vivas nune nur la nudaj
korpoj de l' okazintaĵoj

**En Pejpino**

dum novembra suna tago
trairante ĉi vilaĝon
vidis mi gajeckornikon
kiu ĝuas panpiknikon
sur malalta tegmenteto
la flugila ĝojbesteto
al la homoj donas saĝon
per vivanta fidimago

**Pejpinano**

herba estas mi fadeno
en ĉi lok' radikiĝanta
ame al la viva pleno
estas vere ekvidanta
ja sen mordo de limako
ke sul sankta grot' lasita
staras da blanknuboj stako
de sunlumo orumita

**Fine pluvas**

ene grandas la plezuro
aŭskultado de la pluvo
ties gutoj laŭ la daŭro
sonsonoras plej agrable
kaj bonkore eĉ afable
restas kune faŭno flaŭro
dum de l' tero ekefluvo
iĝas ŝanca inaŭguro

**Kvieta ludeto**

ĉirkaŭate de silento
sub sunlumo ludas maro
per laŭtetaj ŝaŭmplaŭdetoj
ĉe ĉi klare fajna strando
nun ekstaras la demando
ĉu toleros iam vento
ĝuon de l' kvietiggutaro
limigitan je bruetoj

**Vesperen**

lumas pint' el horizonto
strie blankas en krepusko
supren glitas ĝis zenito
la moderna monolito
fidon havas je l' estonto
dum alpaŝas ĉi molusko
ŝtone pasinteco restas
ploroj senutilaj estas

**En Torino 1953 septembrofine**

mirindaĵo ne okazas
estas io detruita
en l' anima meĥanismo
aktivado prizorgado
mankas kore la najado
laŭrivermalŝovinismo
foros longa ag' medita
elmigronto ekemfazas

**Elĉerpiĝo**

mi preskaŭ iom scias kaj normalas
ĉar tio kio mankas malrealas
ankoraŭ mi neniel eksenilas
eĉ se la nuna stat' tion similas
la bela liberec' restadas sola
ĉar ĉiu mia volo iĝas mola
sul monta pinto dormas idealo
dum ĉi homido sidas sen batalo

**- 0 –**

vivo estas mort' de morto
mort' de morto estas vivo
ja sentempas mort' de morto
dum trakuras temp' tra l' vivo
ĉiu daŭro stabilega
ege ŝajne 'stas senmova
eterneco estas flega
eco en ĉi viv' elova

**La ideo**

bigbangete en la menso
la ideo ĉefe rolas
kiel luma elemento
monto kiu naskas muson
ĉiam volas plian pluson
laŭ la universevento
homo en pensado solas
kaj senlimas la imenso °

*° Imenso estas i/o pli granda ol la/ menso.*

# Vizaĝoj de Verakruco

***Peter Browne***

## Ĉapitro 2 –Sur la vojo

### 1 Vojaĝkunulo Majlo

Majlo, nun doktoro pri latinamerika lingvo kaj literaturo, estis mia vojaĝkunulo dum multaj jaroj: en Usono mem, ni vojaĝis al punktoj tiom distaj kiel Las Vegas, NovMeksikio (iu centro de tre olda hispanlingva kulturo) kaj Oxford, Mississippi (kie fariĝis plejparte la romana kosmo de William Faulkner), ĉiam komencinte la itineron en nia universitata urbo, Lincoln, Nebraska. Ofte en nia malgranda kaj triva aŭtomobilo ni vojaĝis multe en Nebraska mem, esploris ĝiajn kamparojn, arbaretojn, riverojn kaj eturbojn, ĝiajn etendiĝantajn vojojn kaj kaŝitajn flankvojojn. Estis Majlo antaŭ ĉio kiu instruis al mi la veron, ke Nebraska, vastaĵo unuavide tiom ebena kaj sama, fakte havas multajn belegajn punktojn kaj angulojn.

Mi memoras ke kiam Majlo ekvidis ion imponan, ekzemple potencan lokomotivon ekaperantan el maizkamparo, li ĉiam ravite eldiris ion kiel: "Piter, kiom mi ŝatas vian landon!" aŭ "Kiom bela ja estas Usono!" Usono hodiaŭ estas kiel ĉiam lando de eblecoj kaj por Majlo certe estis pli bonaj ŝancoj progresi ĉi tie ol en la lando de sia juneco. Tamen la vojoj ĉiam kondukis reen al malnova Meksikio. Tiun landon mi vizitis trifoje, kaj mi lernis taksi ĝin grandparte je liaj okuloj. Ĝuste tiel la realaĵon de Meksikio mi povis percepti almenaŭ parte el meksikia perspektivo. Tiamaniere mi sukcesis postlasi kaj forjeti negativajn, stereotipajn antaŭjuĝojn ĝeneralajn en la usona kulturo... En miaj esplorvojaĝoj mi ja trovis realecon multe pli riĉan kaj freŝan ol mi antaŭe imagus.

### 2 Meksikia Vojaĝo (1989)

Mencio en la ŝatata romano *The Town* (La Urbeto) de William Faulkner pri ekapero de vaganta persono en la urbo Tampico ĉe la Golfo de Meksikio, sojle de Verakruco, estis kiel decida alfalo de ĵetkubo: jes, mi ĉi-somere iru Meksikion, des pli invitite. Mi estis vojaĝ-preta post enpakigo de tre malmulte da aĵoj. Suficis du mezgrandaj valizoj kun iom da vestaĵoj, kelkaj medikamentoj, dentobroso... Krom tio nur necesis la pasporto, iom da mono, kelkaj grandsinjoraj kreditkartoj, kaj kelkaj revoj pri brunhaŭtaj amindaj virinoj. Je meznokto nia plenigita, malnova, malgranda aŭtomobilo ekis al longa vojaĝo. La noktaj vojoj de Nebraska kaj Kansas allogis kiel mistera amantino... steloplena ĉielo, varmeta venteto, la susuro kaj aromo de ŝajne senfinaj grenkampoj...

La longaj kilometroj de Oklahoma impresis vaste, streĉe, monotone. Tamen tiuj distoj forglitiĝis, iom-post-iome. Poste Teksaso, kiel ĉiam, imponis iom tro gigante, iom tro forece... Fort Worth, Waco, Austin... kaj la sudo. En Laredo ni lasis la aŭton en preĝeja prizorgejo, ĉar ĝia triviĝinta motoro tutcerte ne supervivus la terurajn vojojn meksikiajn. De Laredo ni vojaĝis al MeksikUrbo, unuaklase sed malmultekoste.

Transe al tiu alia mondo – Meksikio: la lando malriĉa kaj bela, mistera kaj familiara, bunta kaj mezepokeca, sovaĝa kaj saĝa, la mistika vazo el antikvega argilo. De Nuevo Laredo suden, ĉiam plu suden: la gigantaj kaktoj kaj rokoj, la kolora dezerta tereno, la polvokovritaj, kvazaŭ forgesitaj, urbetaĉoj... pejzaĝa amplekso tage kaj nokte, ĝis aŭrora atingo de la egurbo.

Unu semajnon ni pasigis – tute trankvile, feste – tie en la plej loĝata, la plej poluita urbo sur la tuta planedo. Estis komenco de junio, kaj konstante pluvadis sur la grizon de la grandaj avenuoj *Insurgentes* kaj *Paseo del la Reforma*... fakte malvarmis. Tiu pluvado ŝajne iom malpliigas la normale premegan aer-poluon, kaj la urba aero fakte fariĝis iom freŝa kaj agrabla. Ni manĝis en eleganta argentina restoracio, aĉetis la plej interesajn librojn, ĝuis la etoson de la metropolo. Ĉie estis aroj da studentoj, ĉiam tre formale vestitaj.

Fine allogis la vojo al Verakruco, kondukanta tra Puebla, Orizaba, Córdoba, ĝis la ĉemara ĉefurbo.

### 3 Suden kaj Suden (1991)

En Teksaso, voje al Austin, estas multe da belegaj naturejoj, grandaj parkoj... La frusomera vesperiĝa naturo belegis, altaj, sovaĝaj herbejoj ondumetis, moviĝis kaj plezuriĝis, kaj temp-al-tempe la lumigitaj okuloj de iu nokte vaganta cervo fiks-rigardis nian iron antaŭen.

La grandan urbon Austin ni traveturis tiun nokton. Eĉ dum tiuj mallumaj horoj oni kvazaŭ sentis la viglan pulson de tiu kulturejo. Kaj eĉ urbe la printempa aero estis ege kaj plaĉe freŝa kaj milda.

Oni veturis, pilgrimis suden kaj suden, ĝis atingo de la suda golfo. En Corpus Christi longaj, pendaj palm-folioj svingiĝis milde kaj harmonie super la marbordaj akvoj, kaj la urbaj nubskrapaĵoj vice staris kvazaŭ silentaj gardantoj laŭlonge de la strando. Tiusabate, surprize tre malmulte da homoj promenis sur la ĉemaraj trotuaroj.

La herbejoj kaj marĉaj ebenaĵoj plej sude ŝajnis strange silentaj kaj senhomaj. Post nelonge ni atingis Brownsville, kie belaj junulinoj kun bruna haŭto kaj gagatnigraj okuloj forŝtelis mian koron. Frumatene, per la nemalmulta influo de iu surloka amiko de Majlo (lastfoje ili estis vidintaj unu la alian antaŭ pli ol dudek jaroj, ie en fora Verakruco) mi glatege kaj rapide transiris la doganejon kaj la landlimon. Tie sin etendis denove la vastaj spacoj de tiu alia mondo.

En Tamaŭlipas estas multaj strangaj malgrandaj viroj kun simileco al skorpioj, iel kiel priskribis D.H. Lawrence en sia romano *The Plumed Serpent* (La Plumohava Serpento). Ili alrigardis nin per misaŭguraj nigraj okuletoj. La ŝoseo, nun pli bone pavimita ol dum tiu vojaĝo de 1986, kondukis nin preter la konataj dornarbustaroj kaj gigantaj kaktoj.

Iufoje ĉerande de la vojo vulturoj alkroĉe voradis iun kadavron. Tiun sovaĝejon traflugis l' anĝelo de la morto...

**4 Ege Minaca Matamoros**

Tiusomere de 1986, ĉio en Matamoros ŝajnis al mi ege minaca – la kurbiĝantaj, senordaj stratoj, la trivaj kaj aĉaj konstruaĵoj, antaŭ ĉio la streĉokula kaj intensa alrigardo de la homoj, kun ilia stranga kanteta voĉtonado. Majlo avertis min ne transpasi sola hotelsojlon post noktiĝo, ĉar post tiam eble neniu vidos min denove.

Nur kelkajn jarojn poste, Matamoros famiĝis tra la tutaj Usono kaj Meksikio pro la mortigo kaj kanibalisma ofero de kelkaj usonaj junuloj far grupo de satanistoj...

Post matamoros oni devis ankoraŭ trapasi kelkajn survojajn doganejojn, kie oficiroj kun enmana pistolo postulis de ni konsiderindajn monsumojn pro diversaj varoj kunportataj. Oni devis eniri la promesitan landon sufiĉe prirabita... sed kontraŭ pistolo ne estas belparolo.

**5 La danĝeraj vojoj (1986)**

Tiusomere oni avertadis kontraŭ la riskoj vojaĝi inter Verakruco kaj MeksikUrbo: ĉiam estis danĝero de perforto aŭ eĉ de mortigo, precipe nokte. Veture de Xalapa al la metropolo, haltigis min dufoje armitaj gardantoj: unufoje policanoj, duafoje militistoj: Ambaŭokaze oni traserĉis nian aŭton kontraŭ pafiloj kaj bomboj. La soldatoj eksplikis al ni ke pro la olimpikaj ludoj oni devis atente prizorgi ĉiujn vojojn al la metropolo. Ja fekunda etoso por atencoj...

Aliflanke tiun someron ekonomiaj kondiĉoj en Meksikio estis speciale malbonaj, kaj pro tio krimado atingis altan punkton. Feliĉe ni ne havis ian renkonton kun banditoj...

Se oni konstante aŭdis multon pri enorma krimado en MeksikUrbo, tio donis specialan sekurecemon esti ĉirkaŭita de ege altaj kaj dikaj muroj kun ĉiuj pordoj bone ŝlositaj. Tiajn kondiĉojn oni ja trovis en la domo de Sergio. Ja tiuj muroj ne ŝirmis sole kontraŭ danĝeroj imagitaj...

**6 La Primitivismaj Vojoj (1986)**

En Tamaŭlipas la "ŝoseo", fakte mallarĝa, malbone riparita kampara vojaĉo, turmentige serpentumis tra vastaj dornarbustaroj, en kiuj impone leviĝas la kapoj de la gigantaj kaktoj. Superregas nuancoj de bruno kaj flavo, interpunktitaj de hela verdo; supre la dezerta ĉielo malforte bluas. Neniom da dividlinioj, neniaj homfaritaj bariloj: pejzaĝo malciviliza, senbrida, eĉ virgeca, mergita en strangan pratempon. Oftega vidaĵo estas vulturoj; ili ŝvebas ĉerande de l' vojaĉo en lantaj malbonaŭguraj ĉirkaŭflugoj.

En tiuj sovaĝejoj kaj vastejoj estas tamen oftega la ĉeesto de la homoj, misteraj silentaj homoj profunde konantaj la sennombrajn dezertajn padojn kaj flankvojojn. Jes, homoj iel vivtenis sin inter la dornarbustoj, tie, meze de la sekegaj distancoj. De tempo al tempo rimarkiĝis ege aĉa kabaneto proksime de la vojo; strangaj kvazaŭ pratempaj viroj kaj virinoj alrigardis per la akraj suspektoplenaj okuloj de sovaĝa vulpo. Magraj, ostozaj Brama-bovoj dise paŝtiĝis tra la sukavara kreskaĵaro. Temis tamen pri homoj konantaj maŝinojn: tra Tamaŭlipas rampis antikvaj, trivaj, centfoje riparitaj rustokoloraj kamionegoj, ofte premsonĝe kaj subite ekaperantaj el polvonubo kvazaŭ dinosaŭroj el antaŭdiluva marĉo.

En la malhelo de malgranda ĉevoja konstruaĵo el dikegaj terbrikoj, lakona, magra indiana virino kun brakoj kiel sekaj branĉoj – dezerta gnomino – verŝis al ni kokakolon el obtuziĝintaj boteloj ŝajne plurfoje reuzitaj.



Tamaŭlipas... Tampico... Veracruz: la nomoj ekhavis por mi mitan tonon kaj signifon, ĉiam pli, dum progresis la tempo kaj la vojaĝo. Post tago kaj duono de vojaĝo mi komencis havi ebriigan voluptosenton, dum ĝangala verdaĵo pli kaj pli prenis la lokon de dornarbaro. "Verakruco estas lando de pistolo kaj de danĝero," eldiris Majlo, "sed tamen vido de la naskiĝlando ege ekscitas min." Kaj lia entuziasmiĝo fariĝis pli kaj pli intensa dum forruliĝis ĉiuflanke la fekunda savano kaj suker-kanejoj, punktitaj per la profundnuanca verdo de montetoj kaj ravinoj. El Coyol, Paso-del-Maĉo, Xalapa... antikvaj kantoj, novaj travivaĵoj. Tiun someron mi ja estis ekkononta alian mondon kaj alian horizonton pri kies ekzisto la legado de latinamerikaj romanoj apenaŭ estis doninta al mi antaŭscieton.

**7 La Romaneska Savano (1986)**

Daŭre dum tiu somero, dum ni veturis preter ondoformaj montetoj kaj verdegaj ĝangalkreskaĵoj, Majlo ekkriis, "*Esto es belleza, no chingaderas!*" ("Ĉi-tio estas belego, ne fiaĉaĵoj!") Efektive mi devis konsenti kun li. Transirante la malnovan, lignoplankan pontegon super la altegaj river-ravinoj inter Camerón kaj Soledad, Majlo ekkriis, "Bonvenegon al la mondo de García Márquez!" Tiu ekzotika, kolorplena tropika verakruca mondo, kun ties abundo da kontrastoj, kontraŭecoj, pasioj, kaj antaŭ ĉio neatenditaĵoj, ja multflanke memorigis la etoson de romano kiel *Cent Jaroj da Soleco*. Majlo daŭrigis parolante pri similecoj kun la mondoj de aliaj latinamerikaj romanoj. La verakruca savano ja prezentas paralelojn kun la superstiĉa perforta kosmo de la venezuela romano *Doña Bárbara* de Rómulo Gallegos (sufiĉe bona – kaj ĝuebla – traduko de tiu romano ekzistas en Esperanto). Rilate al la personeco de sia patro, Majlo faris komparon kun la centra figuro de la argentina romano *Don Segundo Sombra* – tiu soleca, fortika, fiera, lakona kaj spirita vakero.

**8 Surŝipe en la Savano (1986)**

Dum nia aŭto vadis tra la akvo kaj koto de la strataĉoj de Paso-del-Maĉo, Majlo diskursis fervore pri Freud, Dostojevski, kaj Jesukristo, pri geniuloj kaj genieco, pri superaj cerboj, superaj hom-tipoj aperintaj en la kurso de mondhistorio.

Mi ekimagis romanon en maniero de Dostojevski – densan psikologian, multfadenan – pri la verakruca savano. Laŭ mia scio, tia verko ankoraŭ ne ekzistas, sed ĝi definitive havas rajton je ekzisto. Ĝi estus interesega, se verkita de talentohava mano.

Somere de 1986 Majlo donis al mi hispanlingvan ekzempleron de la romano *Ship of Fools* (Ŝipo de Stultuloj) de Katherine Anne Porter. Dum pluraj semajnoj tiu legado absorbis mian atenton, tie, izole en Paso-del-Maĉo.

La historio de la romano fakte komenciĝas en la haveno de Veracruz. Temas pri ĉiutaga (kun)vivado de diverslandaj pasaĝeroj en trans-Atlantika vojaĝo al Eŭropo, ĝuste antaŭ la dua mondmilito. Ĉiutagaĵo sekvas ĉiutagaĵon, vivfadeno sekvas vivfadenon, densiĝe, ĝis la leganto eksentas ke li estas ankaŭ surŝipe, ke li konas ĉiun el la dudekkelka personaro, eĉ trivialdetale.

Mi komparis min kun la junaj Usonanoj en la romano; ili kiel mi estas ekspatriotaj, individuoj pelataj al travivado en fremda lando. Ja ili estas mondvojaĝantoj kaj parolas la hispanan lingvon. El **Ŝipo de Stultuloj** mi ĉerpis sencon de identeco. Kaj fakte esti tie fore inter savano kaj ĝangalo, ofte tutizole pro ekpluvegoj, estis sufiĉe simile al esti sur ŝipo meze de vasta maro. Kaj la preterpaso de la tagoj havis langvoron kiu ege similis la ritmon kaj etoson de tiu romano...

**9 Toksiĝo en Taverno (1986)**

La plej malbona afero kiu okazis al mi en Verakruco, estis hazarda toksiĝo per alkoholaĵo.

Mi estis kun aro da amikoj de Don Toto en taverno. Kiel bonaj meksikianoj, ili volis vidi la amikon, la gringon, ebria ĝis deliro. Estis ĉemane ia blanka, maldiafana, brando. Se fakte ĝi estis gustume aĉa, aĉega eĉ, mi jam tro ebriis por rimarki tion. Pro kuraĝigo, instigoj de la drinkularo mi nur daŭrigis la trinkadon.



Envenis la tavernon policanoj - sufiĉa grupo da ili – por kontroli la aŭtomobilajn dokumentojn de Majlo (normala okazo, pro la fremdlanda aspekto de la aŭto). Post la kontrolado – tute ŝajniga afero, ĉar la dokumentoj estis en alia lingvo, la angla – ili sidiĝis ĉe la aperta antaŭrando de la taverno. Tiumomente mi eksentis – tutstomake, tutkorpe – egan naŭzon, pro kiu mi komencis elmigri al la freŝa aero. Sed pro kreskanta malforto mi tuj devis eksidi. Mi sidiĝis ĝuste apud la ripozanta policanaro. Estis tute trankvila sceno, malgraŭ verŝajne trovidebla verdeco de mia vizaĝo. Mi komencis vomi ŝpruce, daŭre. Tamen la policanoj restis indiferentaj kvazaŭ okazus absolute nenio. Mi estis venenita fordrinkinte multajn glasojn da facile havebla, malmultekosta brando, en kiun oni enmiksas plej aĉajn substancojn por plifortigi ĝin. Onidire, en fabrikado de tiu brando estis uzata likvaĵo el malnovaj aŭtomobilaj baterioj.

Dum kelkaj tagoj eĉ trinki akvon estis malfacile. Fine oni metis min sur faldliton en ombro de granda arbo. Lacigis eĉ plej eta moviĝo. Flegadis min kampara junulino. "La gringo reiras Usonon," ŝi ŝerce diris. Fakte mi ofte ŝvebis rande de konscioperdo. Nur post semajno mia sanstato komencis normaliĝi.

Jarojn poste, mi renkontis denove la ularon kiu instigis min drinki. Jam ili volis pardonpeti. "Ne gravas," mi diris, "estas fine memorinda sperto.!"

## 10 Minaco Nuklea

Printempe de 1986 okazis la epokfara nuklea tragedio de la atomstacia reaktoro en Ĉernobil, en la malproksima Ukrainio. En Verakruco, kiel ŝajne ĉie sur la planedo, tiu evento estis ĉefa diskut-temo dum la tuta somero. "Tiel Dio punfrapas la ateisman Sovetunion," seriozmiene diris al mi iu savana vakero.

Alie, jam de jaroj funkciadas nuklea reaktoro sur la marbordo, ne tro multe da kilometroj norde de la granda havenurbo. Tiurilate Majlo ripetfoje esprimis grandajn prizorgojn. Estas malfacile informiĝi en la tria mondo, precipe ĉar la registaro mem ofte manĝigas al la publiko siajn ruzajn mensogojn (ĝuste kiel en la kazo de Ĉernobil). Kiu fakte konstruis la meksikian reaktoron, kaj kiaklasajn sekurigojn ĝi fakte havas? Ĉiuokaze la reaktoro ankoraŭ funkciis je mia reveno en 1991, kaj la diskutoj pri ĝi ankoraŭ plenas je demandosignoj. Majlo opinias ke okaze de iu akcidento radioaktiveco rapide disvastiĝos tra la ampleksa regiono, falante ne nur sur la havenurbon Verakruco, sed ankaŭ sendube sur El Coyol. Pro tiu timo li neniam volas sin establi tie.

Estis aliaj voĉoj, kiuj diras ke la marborda reaktoro jam faras malbonon, kaj ke la meksikia registaro tutsimple tion mensogaĉe neas; laŭ iliaj asertoj, la reaktoro ellasas konsiderinajn kvantojn da radioaktivaj substancoj en la maron, kaj ĉiu fiŝaĵo en la regiono estas fakte infektita. Aliflanke estas tiuj, kiuj diras ke la afero estas bone kaj skrupule kontrolata de profesiuloj el evoluintaj landoj de Eŭropo, el Japanio... Estus ja interese elscii la veron... sed dume ne haveblas senmankaj informfontoj... Unu afero ŝajnas esti certa: normale la homo ne tre klopodas, ĝis tiam, kiam okazas tragedio (En Rusio oni uzas la proverbon: "La vilaĝano ne faras al si la signon de kruco, ĝis iam ektondras.")

## 11 La Sorto de la Imperioj (1991)

Tiusomere Sovetunio troviĝis en plena kolapso. La formorto de la komunismo, de ties malbonoj kaj ties idealoj, estis jam senduba. Aliflanke, la perspektivoj por la usona kulturo, politiko kaj negoco tra la tuta mondo ekŝajnis kiel neniam antaŭe multpromesaj kaj nelimigitaj. Kiel trafe rimarkis Majlo, "*Muy pronto los propios rusos van a convertirse en gringos.*" ("Baldaŭ eĉ la Rusoj transformiĝos en gringojn.")

En Usono oni jubilis pri la (supozata) malvenko de Saddam Hussein, kaj laŭ ordono de la prezidanto George Bush la revenataj usonaj trupoj estis proklamitaj herooj de la granda milito. Meksikio, en siaj novaĵ-elsendoj kaj en sia publika opinio ĝenerale, sklaveme imitis la usonajn vidpunktojn kaj emociojn. Ĉe unu kaj alia flanko de l' landlimo, oni jubilis pri la fakto, ke Usonanoj sin montris konkeranta popolo kiel neniam dum la lastaj kelkaj jardekoj. (Oni ŝajnis esti surda, kiam en diversaj konversacioj mi substrekis la fakton ke Saddam Hussein estis viva kaj fakte nove protektata, kun plena povo super sia popolo.) Nemalofte oni sugestis ke mi estas ia malkuraĝulo aŭ eĉ renegato, ĉar mi evidente ne estis partopreninta tiun gloran, grandiozan entreprenon en la Mez-Oriento. Oni rajtis ilin demandi, kial Meksikio sendis tiom malmulte da taĉmentoj al la Pers-golfa batalfronto, se ĝi tiel aprobis kaj aplaŭdis tiun militon.

## 12 Tecolutla kaj la Strando (1991)

Fakte, la tiutempa mondo ne estis tro simpla. Dum Sovetunio baraktis – ekonomie, politike, sociologie – la ruslingva voĉo de Mihail Gorbaĉjov aŭdiĝis ĉie. En Meksikio, same kiel en Usono, liaj aperoj en novaĵ-elsendoj estis oftegaj. Li estis prezentata al meksikia publiko en sufiĉe kompleksa maniero: dum li parolis ruse, interpretisto samtempe tradukis lian paroladon en la anglan, kaj tuje alia interpretisto simultane tradukis en la hispanan. Ŝajne Meksikio ne havas multajn interpretistojn el la rusa lingvo. Fojfoje la angla lingvo superregas ankaŭ trukmaniere.

En Tecolutla grandeha hotelo, *El Balneario* (La Baneja) staris tute proksime de la etendiĝanta strando. Tiam – komence de junio – gastoj malmultis kaj la ega konstruaĵo ŝajnis plezurige forlasita, spaclibera. Oni povis manĝi en la grandega, tute vaka manĝejo. Tute sole, krom la ĉeesto de l' kelnero. La aero estis freŝa, varmeta kaj langvora, kaj la mildaj ventetoj alportis la plaĉan odoron de la maro. Ankaŭ la plaĝo kun ĝia blanka sablo estis preskaŭ senhoma, kvankam la maro estis jam ideale varmeta. Terflanke ornamis la horizonton verdega ĝangal-kreskaĵaro, formante belegan kontraston kun la sablo. Sur la sablo sidiĝis postnelonge du belkorpaj naĝantinoj, kies nudaj kruroj kaj femuroj ja estis stimula vidaĵo el la diskreta observejo de la maraj ondoj. Post kelkaj horoj da naĝado ni revenis la hotelĉambron kaj aŭskultis ankoraŭfoje la duoble interpretatajn paroladojn de l' Sinjoro Gorbaĉjov en la radiaj novaĵ-elsendoj.

## 13 Llegaremos si Dios Quiere (1991)

Kruta, zigzaga tervojo kondukis tra ĝangal-kovrita montaro al alia loĝloko je proksimume 70-kilometra distanco. Tiu vilaĝo nomiĝis Piñeda. Regione li estas grava kultur-centro, ĉar jam delonge loĝas tie tre aristokrataj familioj kiuj dissemas siajn influojn kaj idojn en multajn ĉirkaŭajn bienojn. Piñeda troviĝas sur montoflanko, kaj memorigas pri multaj mezepokaj provincaj urbetoj en Hispanio: ĉio estis konstruita surbaze de ŝtonoj kun diversaj nuancoj de grizo. La stratoj estis kovritaj per rondaj pavimŝtonetoj, same grizaj. Kelkaj konstruaĵoj devas esti sufiĉe antikvaj, eble je 300 jaroj. Sonoras tre ofte kaj trapenetre la sonoriloj de la granda preĝejo; iliaj voĉoj eĥe resonas disde la muroj kaj pavimŝtonoj.

Ni venadis tien plurfoje, divers-kiale. Ĉiam tiuj krutaj zigzagaj montaraj vojoj prezentis danĝeron kaj aventuron. Unufoje ekzemple ĉe krutega vojturniĝo nia aŭto kaj granda kamiono estis haltigitaj ĝustatempe tute front-al-fronte... ne estis tro invita la akra kaj forfala deklivo ĉerande. Per kelkaj manovroj, kiujn nur scipovas meksikiaj veturistoj, niaj aŭtomobiloj postnelonge sukcesis preterpasi unu la alian.

Alifoje ni veturis al festo kaj dancado en la montaro ne malproksime de Piñeda; estis multe da drinkaĵo kaj ĉiuj ebriiĝis sufiĉe. Mi revenis al El Coyol en malgranda, homplena ligno-barila malantaŭa kabaneto de malnova brut-kamiono, iom postmeznokte. Kelkaj familioj kaj mi dividis la malgrandan spacon, sidis sur malgrandaj seĝoj, puŝiĝis al la karoseria lignobarilo dum la kamiono skuiĝadis plej diversdirekten... La ŝoforo estis tute ebria, kaj pluvegis jam de kelkaj horoj... ŝajnis miraklo ke ni fine revenis hejmen.

Dum tiu veturo mi gajnis la kromnomon de "virbovo kun okulvitroj" ĉar eltirante humoron de Malcolm Lowry – tiu plej meksikia el britaj verkistoj – kaj volante aludi al fakto ke ni troviĝas en ne tro komforta brut-kamiono, amasigitaj precize kiel brutoj, mi sugestis ke ni ĉiuj transiru la meksikian-usonan landlimon maskovestitaj de bovoj. Tiu sugesto evidente tuŝis kordon de meksikia popola humuro: ĝin aŭdinte ĉiuj ekridegis entuziasme.

## 14 Se Dio Volas

"*Llegaremos si Dios quiere.*" ("Ni sukcesos alveni, se Dio volas.") estis ofta eldiraĵo dum tiu vojaĝo. Post nia reveno al la ranĉo, tio ŝanĝiĝis al "*gracias a Dios que hemos llegado*" ("dankon al Dio, ni alvenis"). Mi tranoktis ĉe la ebria veturiginto. Li loĝis en spacoplena, alteg-tegmenta domo kun grizaj, polvozaj muroj kaj la plej morna etoso imagebla. Mi entuziasmiĝis ĉar tiu domo sendube datiĝas de antaŭ la meksikia revolucio, kaj pri tiu temo mi ebrie diskursis. Saldaña dormis sur faldlito sub grandega, tre malnova ikono de la Virgulino de Guadalupe. Antaŭ ol ekdormi, mia gastiganto rekomendis ke mi "submetiĝu" al tiu virgulino "*porque ella es muy guapa y muy buena*" ("ĉar ŝi estas tre bel-aspekta kaj tre bona"). Ĉiujare li faras pilgrimadon al la sanktejo de tiu estulino troviĝanta sur monteto rande de MeksikUrbo.

## 15 La Isla del Amor (1991)

La Insulo de la Amo troviĝis tute proksime de Verakruco kaj facile eblis paŝ-atingi ĝin per malgranda vojponto. Tie troviĝis ĉeval-bredejo kaj restoracio por ĉevalistoj, sed tamen la insulo ŝajnis iel forlasita, eĉ morna. La folioj sur la grandaj palmoj kaj mangoj pendadis preskaŭ velke kaj triste. La koloro de ĉio tie ŝajnis esti ia varia nuanco de grizo, de la arboj ĝis la plaĝa sablo kaj la ĉirkaŭa maro. Malgrandaj blankecaj kraboj transmoviĝis tien kaj reen inter amasoj de mortinta, putriĝanta fuko. Krom tiuj bestetoj, nenio ŝajnis vivanta sur tiu insulo. Ne tro malproksime tamen troviĝis la ĉevalejo. Tie estis la plej aĝa filo de Don Edmundo kun sia tre bela ĉevalino kiu baldaŭ kuros en vet-konkurso. La konversacio de patro kaj filo obsede koncentriĝis sur la ĉevalino: "Jes, ŝi gajnos, ŝi tutcerte gajnos!" La entuziasmega babilado lasis min indiferenta, impresis min same triste kiel la insula ĉirkaŭaĵo mem.

Dum Don Edmundo spektadis kuradon de sia ĉevalino, mi pasigis la tempon ĉe granda marborda best-ekspozicio. Tie mi vidis tre allogajn junulinojn en tre mallongaj, streĉitaj minijupojn kaj grandegajn, monstrajn virbovojn evidente tre bone ekipitaj por la vivo. La ĉevalino de Don Edmundo gajnis la konkurson. La entuziasmo de tuta lia amikaro estis preskaŭ senbrida.

Sed mi restis tute indiferenta, enuinta. Poste, por festi, Don Edmundo volis viziti bordelon por "bone elspezi la monon gajnitan". Oni ne faris tion tutsimple ĉar mankis tempo. Dum kelkaj tagoj tamen la ĉevalina mono – ne malgranda sumo – tute elspeziĝis en la ranĉo, ĉar triumfo sen festado ne havas sencon.

## 16 Nokto de Timo (1991)

Jam de pli ol unu horo, la motoro de nia aŭto malbone funkciis. Post ne longe, peza halto: la motoro estis tute senviva. Ĉiuj penoj estis vanaj: ekfunkcii ĝi ne volis. Do tie ni estis. Je noktomezo, tie en la vastega savano, sur iu flankvojo. Eĉ sen tre bona imago, kie ni troviĝas. Ni nur sciis, ke ni estas ie inter Soledad kaj El Coyol, meze de vastega amplekso da tereno.

Nenio por fari krom atendi, atendadi ĝis esperata matena lumiĝo kaj reveno al hommondo ĉiutaga... Laŭraporte dum noktoj okazas ne malmulte da mortigoj en la kamparo de tiu tropiko. En tiu vastaĵo mortigistoj povas agi rapide kaj la forfuĝo estas facila. Fremdlanda, fakte kun usonaj plakoj, nia aŭto estis kvazaŭ invito al prirabo: ĉiuj scias, ke estas multe da mono en gringolando. Do estis nokto de timo. Sed en tiu loko timo devis konkurenci kun ravosento. Unuvorte, ni estis ĉirkaŭitaj je la plej profunda pulsado de la vivo, kaj je la plej ega beleco. La vastegaj, intense prilumitaj spacoj etendiĝas antaŭ niaj okuloj; la brileco de la lunlumo estis tiom granda, ke oni perceptis, aŭ kreskis

percepti, iome la tagajn kolorojn de l' kreskaĵaro. Ĉiudirekte la herbomaro, ondumata de nokta venteto; tigoj altis ĝistalie. Super tiu maro flirtis la horizon-talaj branĉaroj de la savanoarboj. Facile oni kredus sin troviĝi ie en la Orienta Afriko, senlime en tiu sovaĝa neelpensita Edeno, kie vere aperis la unua homo... kie okazis la nefantasta hom-genezo antaŭ la jarmilionoj... eĉ morti tie estus lukso.

Nenio tamen okazis, kaj kun la matenlumo komencis ekaperi regule gajaj kaj viglaj grupetoj da kamparuloj – piede, ĉevale, taksie (tute ne maloftaĵo en la verakruca kamparo dum tagaj horoj) kaj do per taksio Majlo ekiris al la urbeto (kiu fakte ne troviĝas malproksime) por serĉi mekanikiston. Dume mi restis tie por gardi la aŭton. De preterpasantaj kamparuloj mi informiĝis ke ĝi efektive estis terenoj de du bienoj kies loĝdomoj ne distancis multe pli ol kilometron for, malantaŭ vojkurbiĝo.

### 17 Pri El Coyol

Unu vakero haltis por paroli, ja plena je scivolemo. La konversacio fariĝis vigla kiam ektemis pri El Coyol, kies elstarajn personojn – Don Iŝmaelon, Don Edmundon, kaj aliajn – li certe konis. Tamen El Coyol ankoraŭ distancis je proksimume kvindek kilometroj.

Mia interparolanto demandis min ĉu mi apartenas al la familio Lagunes. Tio estis por mi ege flata. Kvazaŭ jam nek mia parolmaniero nek mia konduto evidentigis ke mi estas fremdlandano, gringo... kaj krome, estus honoro aparteni al tiu elstara, prestiĝa familio. Kaj la tutan veron mi ne malkaŝis antaŭ tiu ulo, kvankam mi sciigis ke fakte naskiĝis "trans la landlimo".

### 18 En la Lando Patriarka (1989)

*El Paraiso* estas mezklasa hotelo ĉirkaŭita de riĉa, tropikakreskaĵaro. Surrande de apudaj vojoj, tutlonge, estas altegaj mango-arboj. La hotelo elspiras etoson tristan, langvoran, dekadencan. Mi preferis forlasi tiun ejon, aŭtobuse vojaĝi al la haveno Veracruz. Tie urbege la vivo fluis senĝene, kaj amindaj ĉokolad-haŭtulinoj proponadis al mi refreŝigan kafon en surstrataj restoracioj.

Ne nur la havenon indis viziti, sed ankaŭ la landinternon, kie ĉio – la naturo kaj la homo – egspiras je la atmosfero de l' fekundo. Iufoje mi iris kun Majlo por viziti la grandaĝan patron en la urbo *Soledad* (laŭlitere, "Soleco"). La patriarko atendis la filon en hotelo. Kiam ili interparoladis dum longaj horoj, mi esploradis la urbon. Multaj homoj interesiĝis pri tiu vagema gringo, tiu altstatura *güero* kun larĝranda vakerĉapelo.

Don Iŝmaelo, ankoraŭ forta kaj fortika malgraŭ siaj okdekok jaroj, paroladis kun la lantaj kaj sonoraj tonoj de malnovtempa savana patriarko. La patro de Majlo interesiĝis pri literaturo: la sagaca, ĉirkaŭrigarda maljunulo ĉiam estis trovinta tempon por legi. Li konis la majstroverkon *Pedro Páramo* de Juan Rulfo. Temas pri kaj la plej eksperimenta kaj la plej profunda romano de Meksikio: kompleksa, novtipa tekniko envolvanta pretermemoran etoson meksikian. Kiam mi revenis la hotelon, Don Iŝmaelo estis diskutanta la ĉefajn temojn: la tago de la mortintoj, la interkomunikado de animoj el trans la tombo. Tiom profunde kaj detalzorge li konis la verkon, ke oni havis la impreson aŭskulti universitatan fakulon.

Post restado en Soledad, malnova kaj svinganta aŭtobuso portis nin pluen direkte al Paso-del-Maĉo. Surrande de l' vojo la sukerkano kreskis alte, sukoplene, sovaĝe. Ni preterpasis ĝangalojn, ravinojn, mangoarbarojn: ĉio kvazaŭ elspiris vivon kaj pasion. En la malantaŭo de la aŭtobuso geparoj de ĉokoladhaŭtuloj ĉirkaŭbrakis kaj kisis tutlangvore: la vivo en tropiko estas ja ĝuoplena. Inter viroj kun vaker-ĉapeloj kaj virinoj en buntaj vestaĵoj estis multe da gaja babilado.

Ĉerande de altega, senbarila krutaĵo la aŭtobuso svinge traperfortis malbonegan truoplenan tervojon... ne mankis ebleco fali al certa morto. Tamen tiumomente mi sentis min ekstaza, ravita: tio etis eg-vivo, profunda pulso kaj korbato.

(daŭrigota)



# Basyô
(1644-1694)
eljapanigis ***Gennadij Turkov***

## *Somero*

***
**Somera varmeg'**!
La verton kovris per nub'
Arasi-monto.

***
Al mar' forportis
**varmegon** de suna tag'
river' Mogami.

Kruroj de gruo
dum **someraj pluvegoj**
iĝis mallongaj.

***
En **somerpluvoj**
ne malaperis kio?
Nur pont' ĉe Seta*.
*Seta – rivero fluanta el la lago Biwa*

***
Dum **somerpluvoj**
akvofalon englutis
rivernivelo.

***
Ĉu tie l' suno? –
Malvoj kliniĝis al ter'.
**Someraj pluvoj**.

***
Friska lago!
Varmegon ne lasas al ĝi
**densaj nuboj**.

***
Ĉi tie eĉ **vent'**
afablas, sud-**odoras**.
River Mogami.

***
Akvo krispiĝas –
kun movoj de **vent-arom'**
tiel samtakte!

***
Kriptomeriojn
kaj pinojn laŭdas kanto
de **arom-ventet'**.

***
Aĵoj ĉirkaŭe,
kiujn vidas okuloj,
ĉiuj **frisketas**!

***
Ankaŭ super akvo
kruroj de gruo humidas. –
**Friska** marventeto!

***
Perkojn pendigas
en subsalika **frisko**
fiŝist-edzino.

***
Ŝajnas, ke **frisko**
estis jam en projekto
de ĉi dometo!

***
**Frisko** sentiĝas
tuje post ekrigardo
al pina branĉo.

***
Neniu ruber'
en Pura akvofalo*!
**Somera luno**.
*Pura akvofalo – nomo de rivero.*

***
Krabeto supren
laŭ mia kruro grimpas.
Pura **fontakvo**!

***
Post nura ĉerpo
tuj dentoj frostdoloris.
**Akvo** ja **fonta**!

***
Mi senfloran ĝin
komparus kun homfeblo, –
**someran stepon**!

***
La hom' kun fojno
estos mia vojsigno
sur **step' somera**.

***
Jen vivo: ĝui
**frisketon** de l' kaduka
pajloĉapelo!

***
Verega arto
en perdita lok'! – Kanto
ĉe **rizplantado**.

***
Ĉu vent' eosta,
ĉu ŭesta – ajna sonu
en **rizplantidoj**!

***
Aromiginte
l' orelojn, mi pli klare
aŭdos **kukolon**!

***
Turnu l' ĉevalon
kaj konduku tra kampo!
Tie – **kukolo**.

***
Eĉ en Kioto
Kioto sopiratas –
ĉe **kukol**kanto.

***
Fluganta **kukol'**
sternas sian kukuon
laŭ akvosurfac'.

***
Vi min malgajan
eĉ plene trista faru
**kukol'** kantanta!

***
"**Raloj** tie ĉirpas", –
aŭdinte mi decidis
tranokti en Saya.

***
Elrampu al mi!
Sub bredej' de silkraŭpoj –
blekoj de **bufo**.

***
De sur branĉeto
forvivinte eksinkis
ŝel' de **cikado**.

***
Tia bruego,
kvazaŭ sub mem sonoril'!
**Cikad**zumado.

***
Pro kaj en mallum'
mi anstataŭ **lampiron**
kaptis roz-dornon!

***
Apenaŭ falis
de l' herbfolio – tuje
**lampir'** ekflugis!

***
Sur ĉiuj arboj
lumetoj de **lampiroj** –
en floraj hejmoj!

***
En mia domo
nur malgrandec' de **kuloj**
sola regalo!

***
*"Belaĵoj" de vojaĝista vivo*
**Puloj**, pedikoj!
Aldone ĉeval-urin'
fluas al kaplok'...

***
**Tritikospikon**
mi kaptis por apogi...
O malkuniĝo!

***
Amara sorto!
Ekesti **bambuplantid'** –
jen fin' de l' homo!

***
Ne estas frida
ĉi tiu roso! – Nektar'
sur **peonio**.

***
**Irido**floroj
ĉiam en mi ekscitas
penson pri hajko.

***
**Irid**foliojn
ĉe l' kruroj mi alligos...
Sandalrubandoj.

***
Blankaj **papavoj**!
Ĉu pluveroj de aŭtun'
ĝermis kaj floras?

***
Unua **melon'**!
Kvarone mi ĝin tranĉu?
Aŭ je rondetoj?

# Ĉinaj memoraĵoj (4)

***Laŭrenco Septier***

(...) sidiĝis apud mi, tenante en la mano sian krajonon kaj paperfolion. Ŝi ekskribis ĉinalingve diversajn demandojn, el kiu lando ni venas, kiom-aĝaj ni estas, kaj ni respondis duonskribe duon-parole. Ĉiun fojon ŝi forkuris por montri al siaj gepatroj niajn skribaĵojn kaj realkuris nin por daŭrigi tiu strangan konversacion.

Iom post iom ni (iomete) konatiĝis, ni eksciis, ke ŝi estas sepjara, ŝia antaŭnomo estas Meina, ŝi loĝas en Kantono. Plurajn fojojn ni serĉis vortojn en la vortaro kaj ni estis ege surprizitaj, ke ŝi scipovas tiom facile legi en nia ĉina vortaro ! Oni tiom multajn fojojn diris al ni, ke nur je 14-15 jaroj infanoj scipovas legi sufiĉe multajn karakterojn por elkompreni simplan tekston ... ni tiam ne sciis, ke en la vortaro ĉiu fonemo estas “tradukita” per specifa fonetika signosistemo iel-tiel simila al la okcidenta “steno” kaj nomata “bopomofo” aŭ “zhuyin fuhao”, tre simpla sistemo, kaj fakte ŝi legis ne la ĉinajn karakterojn, sed jes ja tiun bopomofan prononcon.

Ni parolis pri tre diversaj temoj kaj mi desegnis kelkajn aferojn malfacile priparolindajn, ekzemple la “Marsupilami’-on”, tiu fama besto naskiĝinta en l’ imago de André Franquin, belga bildostriisto, en 1952-1953. Kiel vi scias, la marsupilamio havas tre longan - sepmetran ! - voston, kiu tre utilas kiel “tria mano” ... mi do ekdesegnis marsupilamion, kaj eĉ aldonis lian krion en la ĉina lingvo, nome “huba’ !”, t.e. “呼吧 !”, kaj jen, ŝi laŭte kriis “huba’ !” en la vagono, tuj kaptante la desegnon por montri al la gepatroj.

Ĉar tre varmis, mi malfermetis la fenestron kaj ekdesegnis alian marsupilamion, sed ve, forta vento forrabis ĝin kaj la marsupilamio verŝajne kuris ĝis la rivero ... tio tre ridigis ŝin ... mi donis al ŝi unu el la du restantaj desegnoj, konservis unu. 17 jarojn poste, mi daŭre havas ĝin ... (vd. apude)

Finfine la trajno alveñis en Ĉangŝa kaj ni reciproke salutis nin, ankaŭ la gepatrojn ni adiaŭis, sed tiam ni konstatis, ke verŝajne ili estas mutaj, eble eĉ surdmutaj, ĉar ili “parolis per la manoj” kun Meina.

Ni estis iomete lacaj post tiu trihora “konversacio”, sed ankaŭ tre feliĉaj.

Du tagojn poste, ni estis vizitantaj agrablan parkon en Ĉangŝa, kaj ni subite aŭdis krieton malantaŭ ni ... jen Meina ! Ni salutis ŝiajn gepatrojn, kiuj efektive ŝajnis nek paroli nek aŭdi, ni denove interŝanĝis niajn adresojn kun la promeso, ke ni skribos leterojn reciproke ... kaj ni reiris al nia hotelo.

Revenintaj en Francion, ni pensis, ke tiu petolema knabino tutcerte estas tre inteligenta kaj ni ekesperis, ke kreskante ŝi kapablos bone elturniĝi en la malfacila vivo de renaskiĝanta Ĉinio ... ni tute ne sciis ion pri ŝiaj gepatroj, ĉu riĉaj aù malriĉaj ... kio povas esti ŝia vivo ... Ĉar ni parolis en la trajno pri bildostrioj, ni sendis al ŝi la faman albumon de Hergé “La Blua Lotuso”, esperante, ke amuzos ŝin tiu “ĉina” bildrakonto, unu el la plej emociigaj de Hergé.

Bedaŭrinde, tri monatojn poste revenis la albumo ... kun la mencio “ne petita”, verŝajne la gepatroj ne iris por ĝin peti en la poŝtoficejon, kial - tion ni ne sciis, kaj post longa vojaĝo ĝi revenis al ni ...

La sekvantan jaron, ni denove iris al Ĉinio kune kun du francaj amikoj kaj ni decidis propramane donaci tiun albumon al Meina. Ŝi loĝis en Kantono; kiam ni alvenis tien, ni ekserĉis sur la mapo kie ekzakte staras ŝia domo, kaj la morgaŭon ni iris. Alveninte ni konstatis ke temas pri “bloko” da pluretaĝaj domoj, tre malfacile trovebla sen precize koni la lokon, ni do iris al la gardisto kaj demandis, li hezitis, jam pluraj homoj ĉirkaŭis nin, ĉiu havis malsimilan opinion, ni komprenis, ke ni eble devas atendi iomete ... “Jen, vi devas iri tien ! ” Sed ni ne vere sciis kien iri ĉar ni ne scipovis legi la ĉinajn nomojn sur la leterkestoj. Dum longa momento ni kredis, ke ni neniam trovos la taŭgan domon, kaj pli kaj pli da homoj ĉirkaŭis nin kvazaŭ ni estus venintaj el alia planedo, ĉiuj samtempe parolis, ni ne sciis ekzakte kion fari, la situacio estis iomete angordona kaj ankaŭ ridiga. Subite ...

... daŭrigota ! ...




La Kancerkliniko n-ro 122 apr. maj. jun. 2007
Directeur Jacques Le Puil 18210 Thaumiers France
CPPAP 1007K82202
Imprimé par nos soigneux soins